XVª jaro. Nº 221 (1) ✫ Monata ✫ Januaro 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

| | |
|---|---|
| **Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . . | **5. — Frankoj** |
| **Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . . | **6. 25 Frankoj** |

*Svisa poŝtĉeka konto I.824. – Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

**REKLAMO**

| | |
|---|---|
| **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . | **0. 50 Frankoj** |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . | **0. 40 Frankoj** |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . | **0. 50 Frankoj** |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10%: 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

**TEKSTO.** — **Nuntempaĵoj:** *Kio estas nacio?* Ernest Renan. — **Socia vivo:** *Pri Blankrutenio,* Iv. H. **Krestanoff.** — *La estontaj kultureblecoj de Sirio,* ⁂. — *La milito ĉe la formikoj,* Romain Rolland. — **Notoj.** — **Literaturo:** *Moti Guj, la ribelanto,* Rudyard Kipling. — *Soneto,* N. Nekrasov. — **Esperantismo:** *Alvoko al la Esperantistaro.* — *Kroniko.* — *Diversaĵoj.* — *Tra la gazetaro.* — *Oficiala informilo de UEA.* — *Esperantista Vivo.* — *Niaj Mortintoj.* — *Lingvaj Studoj.*

NUNTEMPAĴOJ

# KIO ESTAS NACIO?

En la momento kiam kunvenas la ĉiulandaj diplomatoj por desegni novan mondkarton ŝajnis al ni interese rememorigi al la brilaj paĝoj iam verkitaj de la fama Franca pensulo *Ernest Renan* pri tiu temo: Kio estas nacio? Kvankam skribitaj ankaŭ pli ol tri jardekoj tiuj pensoj restis plene aktualaj, nun eble ankoraŭ pli ol en la tempo kiam ili estis skribitaj. Povu la diplomatoj kaj ŝtatistoj agi konforme al ilia spirito!

Sub tiu ĉi titolo, Ernest Renan faris la 11 marto 1882 en la Pariza Universitato paroladon, pri kiu li poste diris: „Ĝi estas mia principdeklaro rilate la homajn aferojn; kiam la moderna civilizo estos pereinta pro la danĝera dusenceco de tiuj vortoj: *nacio, nacieco, raso,* mi deziras, ke oni rememoru pri ĉi tiuj dudek paĝoj. Mi kredas ilin tute korektaj. Oni iras al ekstermaj militoj, ĉar oni forlasas la utilan principon de la libera aliĝo, ĉar oni konsentas al la nacioj, kiel iam al la dinastioj, la rajton aneksi provincojn kontraŭ ilia volo. Superspritaj politikistoj mokas pri nia Franca principo, laŭ kiu oni ne povas alproprigi al si loĝantaron, ne antaŭe ĝin demandinte. Ni lasu ilin facile triumfi. Estas ni, kiuj estas pravaj. Mallaŭdinda estas la procedo perforte kapti la homojn kaj diri al ili: „Vi parolas la saman lingvon kiel ni, sekve vi apartenas al ni"; la malfeliĉa homaro, kiun oni tro volonte traktas kiel ŝafaron, fine laciĝos de tio.

Nek al sia lingvo, nek al sia raso apartenas la homo: nur al si mem li apartenas, ĉar li estas libera estaĵo, morala estaĵo. Oni ne plu akceptas, ke oni persekutu la homojn por devigi ilin ŝanĝi religion; persekuti ilin por ke ili ŝanĝu lingvon aŭ patrolandon ŝajnas al ni tiel malbone. Ni opinias, ke oni povas noble senti en ĉiuj lingvoj kaj, parolante malsamajn idiomojn, celi al la sama idealo. Super la lingvo, la raso, la naturaj landlimoj, la geografio, ni metas la konsenton de la loĝantaroj, kiaj ajn estas ilia lingvo, raso, kulto....

La rajto de la loĝantaro decidi pri sia aparteneco estas la sola saĝa solvo de la nuntempaj malfacilaĵoj; ĝuste tial oni ne alprenos ĝin. La grandaj homoj, kiuj en ĉi tiu momento gvidas la popolojn (kun kia sukceso, la estonto tion diros) malŝate konsideras tiujn naivaĵojn. Sed ekzistas kaŭzo, mi konfesas, kiu faris min indiferenta pri la malŝato de la memfidaj politikistoj. De kiam mi povis observadi la homajn aferojn, mi vidis ok aŭ dek skolojn de ŝtatistoj, kiuj kredis posedi la saĝecon kaj plej ironie traktis la nekredulojn. Supera ironio, tiu de l' sorto, sinsekve malkonfirmis la asertojn de tiuj neeraremaj potenculoj. Tio ne faris la aliajn pli modestaj!... Ha, kiel profunda pensulo estis tiu Judo de la VIª jarcento antaŭ Kristo, kiu konsiderante la disfalojn de la tiamaj imperioj diris: „Jen kial la nacioj laciĝas por nenio, ekstermiĝas por la fajro!"

⁂

Tiu ĉi antaŭparolo montras jam la ĉefan ideon de la artikolo. Estas tamen interese ĝin pli detale analizi.

Komence Renan priskribas la diversspecajn homajn grupiĝojn de post la origino de l' historio, kun karakteroj kaj propraj leĝoj, kiujn oni ne devas konfuzi. Laŭ li la nacia divido de okcidenta Eŭropo datumas de la dispartiĝo de la imperio de Karlo granda; tiu divido ŝajnis al li sufiĉe firma, ĉar provo de tutmonda regado tre rapide kaŭzus koalicion, kiu restarigus la ekvilibron. La antikva tempo konis nenion similan al la modernaj nacioj. Tiuj nacioj formiĝis plej ofte, ne laŭ etnografiaj diferencoj, sed per la kunfandiĝo de la rasoj. La historiisto analizas, speciale pri Francio, la rolon de la forgeso, eĉ de la historia eraro. La ideo pri rasa diferenco en la Franca loĝantaro, evidenta ĝis la Xª jarcento, poste tute malaperis. Kvankam en la realeco la nobelo estas la iama venkinto, la erara ideo, ke li ŝuldas sian nobelecon al privilegio donita al li de la reĝo rekompence de servoj, fariĝis jam kvazaŭ dogmo en la XIIIª jarcento. Oni allasas, ke inter la nobelo kaj la malnobelo ekzistas diferenco de socia klaso, ne de raso. Sed estas aliaj landoj, kie, eĉ kiam dinastio ĝin provis, ekzemple en Aŭstrio, la kunfandiĝo de la rasoj malsukcesis. Ĝi ankoraŭ pli malsukcesis kiam la gentoj estis diversreligiaj, kiel en Turkio.

„La moderna nacio estas do historia rezultajo devenanta el aro da samdirektaj faktoj. Jen la unueco estas kreita de dinastio, kiel en Francio; jen de la popola volo, kiel en Nederlando, Svisio, Belgio; jen de ĝenerala spirito malfrue venkinta la kapricojn de la feŭda reĝimo, kiel en Italio kaj Germanio.“

„Sed kio estas nacio? Kial Nederlando estas nacio, dum Hanovero aŭ la Grand-duklando de Parmo ne estas nacio? Kial Francio restas nacio, kvankam malaperis la principo, kiu ĝin kreis? Kial Svisio, havanta tri lingvojn, du religiojn, tri aŭ kvar gentojn, estas nacio, dum, ekzemple, homogena Toskanio ne estas nacio? Kial Aŭstrio estas ŝtato, ne nacio? Per kio la principo de la naciecoj diferencas de la principo de l' rasoj?“

Renan unue refutas tiun opinion, ke nacio estas antaŭ ĉio dinastio. Eĉ en la estinto, tiu principo ne estas absoluta (ekzemple Svisio, Usono), kaj nuntempe pluraj nacioj vivas sen la dinastio ilin kreinta. Krom la dinastia rajto, ekzistas do nacia rajto.

Laŭ iuj, ĝi devenas de la raso. Ili asertas, ke ĉiu rasa familio rajtas repreni siajn disiĝintajn membrojn, eĉ se tiuj ĉi ne volas. La rajto de la raso estus pli forta ol la memdecida rajto de la loĝantaro. Tre granda kaj tre danĝera eraro, diras Renan. Per trafa analizo, li montras, ke ne ekzistas pura raso; ĉiu moderna nacio rezultas el nedifinebla miksiĝo de rasoj. La studo de la rasoj ne havas politikan aplikon. La homa historio esence diferencas de la zoologio. La raso ne estas ĉio, kiel ĉe la bestoj, kaj oni ne havas la rajton palpi la kranion de la homoj kaj poste perforte preni ilin, dirante: „Vi estas samsanga kiel ni, sekve vi apartenas al ni!“ Krom la antropologiaj karakteroj, ekzistas la racio, la justeco, la vero, la belo, kiuj estas la samaj por ĉiuj.“

Laŭ aliaj, la nacia rajto devenas el la lingvo. „La lingvo ja instigas al kuniĝo, sed ĝi ne devigas. Usono kaj Anglio, Hispana Ameriko kaj Hispanio parolas la saman lingvon kaj ne formas unu nacion. Kontraŭe, Svisio, farita el la konsento de siaj diversaj partoj, havas tri aŭ kvar lingvojn. Ekzistas en la homo io supera al la lingvo, nome la volo. La unuiĝa volo de Svisio, malgraŭ la malsameco de la idiomoj, estas pli grava fakto ol lingva sameco ofte rezultanta el perfortaĵoj. La politika graveco, kiun oni atribuas al la lingvoj, venas de tio, ke oni rigardas ilin kiel signojn de raso. Nenio estas pli malĝusta. Prusio, kie oni parolas nur Germane, parolis Slave antaŭ kelkaj jarcentoj; en Kimrio oni parolas Angle . . . la ekzemploj estas multegaj.“

Cetere, se oni trotaksas la gravecon aljuĝitan al la lingvoj, „oni sin enfermas en difinita nacia kulturo; oni sin limigas. Oni forlasas la puran aeron, kiun oni enspiras en la vasta kampo de l' homaro. Nenio estas pli malbona por la homaro, nenio pli danĝera por la civilizo. Ni restu fidelaj al tiu fundamenta principo, ke la homo estas prudenta kaj morala estaĵo, antaŭ ol esti enŝlosita en tia aŭ alia lingvo, raso aŭ kulturo. Antaŭ la Franca kulturo, antaŭ la Germana kulturo, antaŭ la Itala kulturo, ekzistas la homara kulturo. Vidu la grandajn homojn de la Renesanco; ili estis nek Francoj, nek Italoj, nek Germanoj. Per siaj rilatoj kun la antikvuloj, ili estis retrovintaj la sekreton de la vera eduko de l' homa spirito kaj al ĝi sin tute fordonis korpe kaj anime. Kiel bone ili agis!“

La religio ankaŭ ne estas la bazo de la moderna nacio. Tia ĝi estis, Renan ĝin montras, sed nun „la religio fariĝis individua afero, kiu koncernas la konsciencon de ĉiu. La divido de la nacioj laŭ protestantaj kaj katolikaj ne plu ekzistas.“

Ĉu la komuneco de la interesoj sufiĉas por fari nacion? „Ne, diras Renan, iu Zollverein ne estas patrolando; tiu ĉi estas samtempe animo kaj korpo.“

Fine, ĉu la geografio, la tiel nomataj naturaj landlimoj, kiuj certe estas grava kaŭzo de la divido laŭ nacioj, donas al iu ajn nacio „la rajton preni tion, kio estas necesa por plibonigi limojn, por atingi iun monton, aŭ iun riveron, al kiu oni a-priorie aljuĝas limigan povon? Mi ne konas pli arbitran, nek pli danĝeran doktrinon. Per ĝi oni pravigas ĉiujn perfortaĵojn. Unue, ĉu la montoj aŭ ĉu la riveroj formas la tiel nomatajn naturajn landlimojn? Estas ne kontesteble, ke la montoj apartigas, sed la riveroj plej ofte kunigas. Oni cetere ne povus difini ĉiujn montojn kiel limojn. Kiuj apartigas kaj kiuj ne apartigas?“ Eĉ la strategiaj motivoj nenion trudas: „Se tiel estus, ĉiu nacio postulus landlimojn laŭ siaj militistaj bezonoj, kaj tio estus senfina milito. Ne, nacion faras ne pli la tero ol la raso. La tero liveras la substraton, la kampon de batalo kaj de laboro; la homo liveras la animon. La homo estas ĉio en la formiĝo de tiu sanktaĵo, kiun oni nomas popolo. La materio ne sufiĉas. Nacio estas spirita principo, rezultanta el la profundaj komplikaĵoj de la historio; spirita familio ĝi estas, ne grupiĝo determinita per la ekstera formo de la tero.“

* * *

Montrinte tion, kio nacio ne estas, Renan precizigas tion, kio ĝi estas: antaŭ ĉio animo. Unuparte la komunposedo de riĉa heredaĵo de rememoroj, aliparte la nuna konsento, la deziro de kunvivado. La nacio estas etendiĝo de la kulto al la prapatroj: „Heroa pasinto, grandaj homoj, vera gloro, jen la socia kapitalo, sur kiun oni starigas nacian ideon. Posedi komunajn glorojn en la estinto, komunan volon en la estanto, esti kune farinta grandaĵojn kaj celi kune al grandaĵoj, jen la ĉefaj kondiĉoj por esti popolo.“ Renan konstatas, ke la oferoj kaj la doloroj pli unuigis la homojn ol la triumfoj: „Kiel naciaj rememoroj, la funebroj pli bone valoras ol la triumfoj, ĉar ili trudas devojn, komunan penadon.“

Tio estas vera rilate al la estinto. Sed en la estanto, la nacio resumiĝas per palpebla fakto: la konsento, la klare esprimita deziro daŭrigi la komunan vivon. La ekzisto de nacio estas ĉiutaga plebiscito. „Nacio, ne pli ol reĝo, rajtas diri al provinco: Vi apartenas al ni, mi vin prenas.“ Provinco apartenas al siaj loĝantoj. Ilia deziro estas fine la sola rajta kriterio, al kiu oni ĉiam devas reveni.

Ni forpelis de la politiko la metafizikajn kaj teologiajn abstraktaĵojn. Kio restas? Restas la homo, liaj deziroj, liaj bezonoj. „Oni kontraŭparolos, diras Renan, ke konsultado de la loĝantoj kondukos al dispeciĝo de la nacioj. La homaj voloj ŝanĝas, sed kio sur la tero ne ŝanĝas? La nacioj ne estas io eterna. Ili komenciĝis, ili finiĝos. Eŭropa kunfedero kredeble ilin anstataŭos.“

Renan konkludas: „En la nuna tempo, la ekzisto de la nacioj estas bona, eĉ necesa. Per siaj diversaj, ofte kontraŭaj ecoj, la nacioj servas por la komuna civilizo; ĉiuj ludas muziknoton en tiu granda homara koncerto, kiu estas ja la plej alta ideala realaĵo atingebla. Izole, ili havas siajn malfortajn partojn. Mi ofte opinias, ke homo, kiu posedus ĉiujn malbonajn ecojn, konsideratajn kiel bonaj ĉe la nacioj, — kiu estus ĵaluza, egoista, disputema ĝis tia grado; — kiu nenion povus elporti, ne eltirante la glavon, tiu estus la plej netolerebla el la homoj. Sed ĉiuj etaj missonoj malaperas en la tuto. Malfeliĉa homaro! Kiom ci suferis! kiom da afliktoj cin ankoraŭ trafos! La saĝeco cin gvidu por protekti cin kontraŭ la sennombraj danĝeroj, je kiuj estas trasemata cia vojo!“

Laŭ *Ernest Renan.*

*A. J.*



## SOCIA VIVO



# Pri Blankrutenio

La teritorio loĝata de la Blankrutenoj aŭ Blankrusoj limas okcidente kun Letonio, Litovio kaj Polio, sude kun Ukrajnio, oriente kaj norde kun Grandrusio. Interne de tiuj limoj loĝas en kompakta maso ĉirkaŭ ok milionoj da Blankrutenoj.

Laŭ Kareki la apartenaĵo de la Blankrutena lingvo etendiĝas sude ĝis rivero Pripet, okcidente ĝis Bug, ĉe la fontoj de Narev kaj de Bobr, ĝis la kunfluiĝejo de Vilza, norde ĝi forpasas Duna, ĝis la rivero Lovat, oriente ĝis la fontoj de Volga kaj ĝis la supraj enfluantoj de Dnjepr. Tiamaniere oni povas atribui al Blankrutenio la guberniojn de Minsk, Grodno, sen la sudaj partoj, malgrandan parton de la gubernio de Suvalki, la gubernion de Vilna escepte la nordokcidentan angulon, preskaŭ la tutan gubernion de Vitebsk, la tutan de Mohilev, la okcidentan parton de tiu de Smolensk kaj malgrandan parton de tiu de Ĉernigov.

La historiistoj pensas, ke la Blankrutenoj estas idoj de la malnovaj *Vendoj* loĝintaj ĉe la bordoj de Danubo, kaj kiuj en la unua jarcento p. K. estus venintaj loksidiĝi en la landoj trafluataj de Duna, Vistulo kaj Volĥov. La Blankrutenoj devenas de la malnovaj Slavaj triboj *Kriviĉi* kaj *Drehoviĉi* (de drehovi = marĉoj), organizitaj ĝis la IXa jarcento en unueca ŝtato de la Gotaj legioj venintaj el Skandinavio.

De la IXa ĝis la XIIIa jarcento la historio de Blankrutenio estas nur sekvo de furiozaj militoj por la defendo de ĝia sendependeco kontraŭ la resto de Rusrutenio (Ŝtato de Kiev, de Novgorod, k. t. p.). Fine la princlandoj Kriviĉ (Blankrutenoj) estis grade konkeritaj de Litovio, de la XIIIa jc. ĝis la dua duono de XVa jc.; la Blankrutenoj estis aneksitaj de la Litovoj en ilia potenca ŝtato konata en la historio sub la nomo de grandduklando Litovio. En la fino de la XVIIIa jc. la Polo-litovo-rutena respubliko estis dispartigita inter la najbaraj ŝtatoj: Prusio, Aŭstrio kaj Rusio.

Blankrutenio estis aneksita al Rusio en 1793, per akordo subskribita en Grodno de la imperiestrino Katerino IIa. Ŝi promesis konservi por ĉiam la liberecon de penso, la netuŝeblecon de la bienoj pastraraj kaj publikaj kaj la civilan liberecon, laŭ la malnovaj kutimoj. Sed malfeliĉe ŝia kaŝita intenco estis ne teni la promesojn kaj rusigi iom post iom la landon.

Dum la sekvanta jaro komenciĝis persekutoj kaj limigoj kontraŭ la Rutenoj. Interalie oni malpermesis presi en la landa lingvo la Sanktajn Skribojn kaj religiajn librojn. La persekutoj kontraŭ la nacia uniata eklezio multiĝis; la preĝejaj bienoj estis konfiskataj, la monaĥejoj fermataj, la preĝlibroj bruligataj, la uniataj pastroj kondamnataj, la fideluloj konvertataj perforte al la ortodokseco.

La Blankrutena popolo rezistis al tiu deviga unuiĝo al la ortodoksa Eklezio; per armita forto kaj punekspedicioj plenumitaj de la Rusaj kozakoj, oni predikis la enkondukon de la ortodokseco en Blankrutenio. La procedo de la kunigo de la uniatoj al la oficiala eklezio daŭris de 1820 ĝis 1905. La sango de la martiroj de la „unuigitaj per amo" ruĝigis la teritorion de la Blankrutenoj kaj la neĝojn de Siberio. La transformo de la uniataj preĝejoj estis akompanata de sangaj bataloj. Samtempe, por rusigi la Blankrutenojn, la Rusa registaro plenigis la landon je Moskvanaj oficistoj kaj popoj, al kiuj, ĝis la revolucio de 1917, la sinodo pagis duoblan salajron kiel al misiistoj. La nombro de la lernejoj depost 1840 estis reduktita je kvarono. La servuteco de la vilaĝanoj estis aparte fortigita en Blankrutenio. Severa regado, severa cenzuro. De 1793 ĝis 1805 oni trovas nenian alian publikigaĵon en Blankrutena lingvo ol du katehismojn. Nur en 1905 la Blankrutenoj, same kiel la aliaj naciecoj, akiris la rajton presigi kion ajn en sia lingvo.

* * *

La Blankrutenaj vilaĝoj de la gubernio de Vitebsk neniel diferencas de tiuj de la aliaj gubernioj loĝataj de tiu ĉi nacieco. La vilaĝana domo estas malgranda, fumplena, senaera; ĝi estas konstruita per lignaj ŝtipoj, kovrita per ŝindoj sennajlaj aŭ per pajla tegmento, truita de unu aŭ du fenestretoj el vitropeco; odoro de homaj korpoj kaj de dombestoj pikas la nazon, kiam oni eniras en la ĉambron de la loĝejo, kiu somere estas plena je muŝoj kaj aliaj insektoj. Tiuj ĉi isba'oj aspektas malriĉe, mizere. Unu vilaĝo konsistas el dekduo da tiaj isba'oj. La vilaĝoj estas dissemitaj inter la arbaroj kaj la marĉoj, ofte en lokoj kien apenaŭ povas alveni malriĉaj veturiloj formitaj per kvar radetoj el kverko aŭ betulo, sen fergarnaĵo, kaj per tabuloj kuŝantaj sur la traboj, kiuj servas kiel aksoj. Vintre, la glitveturiloj estas neniel pli oportunaj. La ĉevaloj — kies jungilo konsistas ofte nur el ŝnuroj — kaj la bovinoj estas nek grandaj nek fortaj. Ĝenerale la monstato de la Blankruteno estas malĝoja. Li plugas sian teron per tre antikvaforma ligna plugilo; li alprenis neniun el la modernaj metodoj. Dank' al tio, liaj rikoltoj estas malriĉaj, kvankam lia tero, se ĝi estus science kulturita, povus produkti du-trioble pli; li laboras multe, sed la rezulto de liaj laboroj estas kompatinda.

Laŭ etnologia vidpunkto, la Blankruteno diferencas de la Grandruso kaj de la Ukrajno. Liaj haroj estas flavruĝaj, la okuloj iom malfermitaj, iomete enŝovitaj, grizaj; la vizaĝo estas ronda. Je 40 aŭ 50 jaroj li aspektas maljuna; la virinoj maljuniĝas rapide, sed en la juneco ili estas sufiĉe beletaj kaj allogaj. La vestoj de la vilaĝanoj estas tre simplaj, sole la kapvestoj de la geviroj varias. Dum ĉe la Grandrusoj la preferata koloro estas la ruĝa, tiu de la Blankrutenoj estas la blanka; blanka kitelo, blanka ĉemizo, blankaj pantalonoj kun tola ĉirkaŭzono; ĉe la virinoj la jupo, la antaŭtuko, la kaptuko estas blankaj, somere kaj vintre, laborkaj festotage. Kiel kapveston la viroj havas drapan aŭ ledan kasketon, aliaj havas altan ĉapon sen randoj aŭ kun randoj realtigitaj; aliaj havas ĉapojn el pelto, el ĉafledo; kelkaj havas kvadratajn ĉapojn laŭ Pola formo. La virina kapvesto estas ofte semita je floroj aŭ brodaĵoj.

La nutraĵo estas plej simpla: somere lakto, kazeo, aŭtune terpomoj kaj vintre betoj, fazeoloj, brasikoj, pizoj, hebsupo, sekalpano, malbone bakita, farita el faruno kaj brano de sekalo muelita en la familioj per mueliloj antikvaformaj.

La grandparto de la Blankrutenoj sin dediĉas al la agrikulturo (76 %), sed ili posedas nur 47 % de la tero, kaj multaj terkulturistoj ne havas sufiĉe da grundo por nutri sian familion.

La hejma industrio estas tre malmulte kreskinta en la lando. La fabrikejoj ankaŭ okupas nur kelkajn dekojn da miloj da laboristoj kaj produktas de 70 ĝis 80 milionoj da rubloj, kaj tamen la proksimeco de la riveroj Njeman kaj Duna devus favori la eksporton. Depost 1905 oni vidis tre rimarkindan vekiĝon de la nacia sento, kiu progresigis ankaŭ la industrion kaj agrikulturon. La vilaĝanoj komencas kompreni la gravecon de la Rusa vendejo. Oni povas esperi, ke la progreso daŭros post la milito, kaj ke la lando ruinigita de la invado kovriĝos rapide per prosperaj vilaĝoj.

* * *

Kvankam la Blankrutena lingvo apartenas al la Slava grupo, malĝuste estas ĝin rigardi kiel simplan Rusan dialekton. La unua impulso al la Blankrutena kulturo estas donita de la Renesanco, en la komenco de la XVIa jc., sed jam antaŭe oni uzis la popolan lingvon en la tribunaloj; la leĝoj estis skribitaj en tiu idiomo, kiu estis parolata ankaŭ en la kortego de la grandduko de Litovio, sed depost la mezo de tiu jarcento oni vidas rapidan disvolvon de la instruado kaj de la literaturo, oni fondas preĝejojn, lernejon de leĝoscienco, superajn lernejojn, kie oni instruis kvin lingvojn, la Akademion de Polotzk.

La unua distinginda nomo en la literaturo estas Francisko Skorina, tradukinto de la Biblio. Depost 1540 la kultura movado plivastiĝas; oni publikigas en la urboj religiajn, polemikajn, apologiajn, pedagogiajn librojn, tradukojn de malnovaj Francaj poemoj, k. t. p. La artoj ne restis malantaŭe.

Tiun brilantan epokon sekvis dekadenco. La Pola lingvo substituiĝas iom post iom al la Blankrutena. Al tiu altrudita poligado oni atribuas la preskaŭ kompletan malaperon de Blankrutene presitaj libroj en tiu epoko. Tamen, la vilaĝanoj daŭrigis paroli la lingvon de siaj prapatroj. La sklaveco enkondukita de la Poloj havis ankaŭ pereigan efikon je la kulturo. La uniataj pastroj protektis la lingvon de siaj parohanoj; ili publikigis katehismojn, religiajn kantlibrojn. Tiel en 1774 aperas la kolekto *Kantyczka*, kaj inter 1771 kaj 1792 oni trovas verkojn kiel *Radujsia Bozy narodzié* (La Diaj popoloj ĝojas), *Nova radasc stalla* (Nova ĝojo venis), *Caru Chryscie mily* (Amitaj de la Sinjoro), k. t. p. Je la fino de la XVIIIa jc. oni publikigas grandan nombron da politikaj skribajoj, pamfletoj, satiroj, komedioj, verkoj por profesoroj kaj pastroj. La ideoj de la Franca revolucio penetris ĝis la popolo kaj havis adeptojn. Oni eksentis nacian vekiĝon kaj postulis la liberigon de la sklavoj. La aŭtoroj komencis studi la Rutenan popolon, publikigi priskribojn de la lando, kolekti el la buŝo de la popolanoj kantojn kaj legendojn, sed pro la tro severa cenzuro la verkoj devis aperi fremdlande.

Inter la plej rimarkindaj aŭtoroj de tiu ĉi epoko oni devas citi Jan Ĉeĉot, amiko de Mickievicz, sendita en 1823 en Siberion pro konspiro; reveninte en 1844 li publikigis *Piosnki wieśniacze* (Printempaj rimoj), poemkolekto havinta grandan sukceson.

En 1846 aperis teatrajo nomita *Sielanka* (Vilaĝanino), de Dunina Martzinkeviĉ, duone en Pola, duone en Blankrutena, por trompi la cenzuron. La fama Pola muzikisto Monuszko verkis la muzikon de Sielanka, kaj tiu ĉi verko estis ofte prezentata. Pro la persekutoj kontraŭ la Blankrutena lingvo, granda nombro da verkistoj, kiel Kirkor, Voul, Korotkeviĉ, Liaskovski, Mroĉek, k. a. devis rondirigi siajn verkojn kiel manuskriptojn. Dum la Pola ribelo en 1863 la Blankrutenoj ĝuis iom pli da libereco.

Malgraŭ la jugo, kiu dum cent jaroj pezis sur la nacia sento, je la apero de la unua Blankrutena jurnalo, amaso da konsciaj Rutenoj respondis al ĝia alvoko. Rutena jurnalo aperis en Bjelostoko sub la nomo *Hutorka*, sed la registaro tuj malpermesis ĝin, same kiel ĉiun libron en Blankrutena, escepte etnografiajn traktatojn. La prezentadoj en la landa lingvo estis ankaŭ malpermesataj. Estis intelekta morto. Tamen Hilferding, Dmitriev, Bezçonov, Scheun, Dombovetzki, Romanov, k. a. aperigis kolektojn de poemoj kaj rakontoj popularaj.

Komence de 1880, rimarkiĝas socialista movado. Oni kaŝe presigas broŝurojn kun tendencoj klare revoluciemaj en la okuloj de la caristaj aŭtoritatoj. La jurnalo *„Homan"*, kiu aperis malkaŝe en Vilno en du eldonoj, unu en Kirila alfabeto, alia en Latina, estis presata komence de 1891 en la keloj. Kiam oni volis presigi ion, oni devis kredigi al la malkleraj cenzuristoj, ke ĝi estas Bulgara aŭ Serba lingvo.

La registaraj persekutoj ne povis malhelpi la vekiĝon de la nacia konscio. Estis fondita Blankrutena revolucia Unuiĝo, kiu nomiĝis pli malfrue socialista Blankrutena *„Hromada"* (asocio). Ĝi presigis propagandajn broŝurojn. Ĝiaj membroj volis enkonduki en la lando la politikan kaj socialan progreson kaj postulis tuj larĝan aŭtonomion.

Dum la revolucio de 1905 estis ĉie en la lando rimarkinda intelekta movado; oni fervore legis la jurnalojn kaj broŝurojn, sed la reakcio ree triumfis, kaj jam en 1906 oni malpermesis la jurnalon *„Naŝa Dolia"* (Nia sorto), kiu estis la unua jurnalo publikigata laŭleĝe. En Vilno aperis tre modera jurnalo *„Naŝa Niva"* (Nia rikolto), kiu unuigis la plej bonajn verkistojn kaj disvastigis en la tuta lando la amon al la nacia lingvo kaj la deziron al la libereco. Talentaj poetoj kiel Kagants, Krapink, Builo, A. Pavloviĉ, Budzika kaj aliaj povos famigi la Rutenan poezion, kiam la lando ĝuos veran aŭtonomion.

La unua nominda prozisto, talenta romanisto, estas Yadvighin. Liaj verkoj, publikigitaj en 1909, 1912, 1914 enhavas precipe prozfablojn, en kiuj emocio miksiĝas kun humoro. Vlasta estas vere originala en siaj kortuŝaj noveloj, priskribante la malfeliĉan sorton de siaj samlandanoj, ilian idealon de justeco kaj egaleco ĉiam sufokatan de la kruda batalo por la ekzisto. F. Gushta publikigis depost 1912 serion da rakontoj formantaj kvin volumojn; li scias tuŝi la sentemon de la vilaĝano, priskribante la simplan kaj ofte mizeran vivon de la Blankruteno. Tendenco ofte pesimista karakterizas ankaŭ la romanojn de Biadula. Inter la aliaj nuntempaj romanverkistoj ni povas nomi Novitek, Lencik, Jivitza. Krom tiuj verkistoj oni trovas tutan serion da historiistoj, kritikistoj, poligrafoj, kiuj montras la mirigan disvolvon, kiun en dekduo da jaroj povas atingi la literaturo de subpremita popolo tuj kiam la katenoj estas rompitaj. Kun la libereco venos ankoraŭ pli rapidaj progresoj, ekonomiaj, financaj, industriaj, artaj kaj literaturaj. Nun la Blankrutena popolo volas ne nur konservi sian apartan karakteron, siajn instituciojn, sian lingvon, sed sian nacian konscion; ĝi volas formi aŭtonoman tuton, liberan ŝtaton en la Rusa federo.

Laŭ *G. Brodier.*
*Ivan H. Krestanoff.*

---

# La estontaj kultureblecoj en Sirio

Estas senprudente, eĉ danĝere prijuĝi landon, precipe laŭde, sen kono de ĝiaj geografiaj kondiĉoj. Tamen, tio bedaŭrinde tre ofte okazas, kaj rilate al Palestino kaj Sirio de longatempe. La biblia tradicio jam disverŝis brilon sur tiujn regionojn, menciante ilin en la malnova testamento kiel la landon, „en kiu fluas lakto kaj mielo". Nuntempe tiel la Judoj kiel ankaŭ la Kristanoj konsentas, ke tiu brilo neniam apartenis al ĝi. Unu el la unuaj, kiuj tion rimarkigis, estis la konata Zangwill, kiu en parolado diris: „Palestino ne estas regiono de abundeco, kie por tiel diri lakto kaj mielo troviĝas sur la vojoj, kaj ĝi neniam estis tiu lando." Oni komprenas, ke la Izraelidoj konsideris la landon Kanaan kiel fruktodonan regionon en la momento, kiam ili alvenis el la dezerto; sed entute ĝi estis eĉ tiam, ekster kelkaj sufiĉe vastaj interspacoj, teritorio seka, kiu povis servi kiel paŝtejo por la brutaro, kaj kie ankaŭ troviĝis frukto-

ĝardenoj, sed kiu tute ne povis pretendi esti lando de abundeco. Por tio la geografiaj kaj klimataj kondiĉoj estis tiam, kaj estas nun, natura malhelpo: regulaj kaj sufiĉaj pluvoj okazas nur en la montaro; ne estis alie en la tempo de Moseo kaj de la profetoj kaj ne fariĝis alie sub la reĝoj, kiel montriĝas el la informo, ke por la konstruo de l' templo oni estis devigata alporti la cedrojn el Libano, ĉar estis nenia ligno en Palestino; kaj kiel malmulte pluvis, vidiĝas el la diro de la profeto Eliaso, ke ne pluvis dum tri jaroj. La nomita Zangwill plue pruvas, ke jam tiam en la sankta lando artefarita traakvigo estis uzata por ebligi kulturadon.

Ke Palestino, kaj pli amplekse tuta Sirio, en pli postaj tempoj ankaŭ suferis pro manko de arbaroj, kaj sekve eĉ hodiaŭ ne havas sufiĉe da ili, estas la kulpo de la loĝantaro, kiu malbone administras. Per si mem la tero ja estas produktema, speciale en la malmultaj rivervaloj, kiel ekzemple laŭlonge Jordano, aŭ sur la bordoj de la lago Tiberias, kaj en kelkaj aliaj lokoj. Sed tio, kion la lando bezonis kaj ankoraŭ bezonas, krom kanalizado por artefarita akvigo, estas vojoj por interkomuniko. Kun bona reto de interkomunikaj vojoj estus de longe estinta eble, pli bone uzi la ekzistantajn rimedojn. Oni verdire jam de longe pripensis la konstruon de fervojoj; sed la antaŭaj malfavoraj cirkonstancoj tiurilate nur malmulte ebligis. La unua fervojo estis tiu de Jaffa al Jeruzalemo, konstruita de Franca kompanio kun koncesio de 1889; ĝi estis longa 87 kilometrojn; la intencita plilongigo de ĝi ĝis Nazaret estis prokrastata pro la milito. La dua fervojo estas tiu de Beyrut al Damasko, konstruita en 1895, mallarĝrela, kun interrela distanco de 1,05 m; ĝi trapasas Libanonon kaj Antilibanonon. Post la Francoj venis la Angloj: nome Angla kompanio, en 1891, ricevis koncesion por la Haifa-fervojo, kiu de Haifa laŭiras la marbordon al Akka, kaj pli antaŭen en la internon en la direkto al Nazaret.

Tiom estis progresintaj la laboroj de la Siria fervojaro, kiam la Germana influo komencis efiki en Konstantinoplo. Kiel oni scias, estis donata al la Germanoj la koncesio por la kunligo de Bosporo kun Bagdado per fervojo; pro tio la Francaj kaj Anglaj projektoj pri laŭmarborda fervojo estis prokrastataj. Sed ankaŭ la celoj de la Germana Bagdadkompanio ne povis esti plene efektivigataj, ĉar la intencon konstrui kiel alpendajon al la fervojo al Bagdad plilongigon en suda direkto ĝis la sanktaj lokoj de Islamo la Turkoj mem alprenis, kaj nur transdonis la teknikan plenumon al Germano, la konata Meissner Paŝa. Unue oni kompreneble konstruis la vojon Aleppo-Damasko, poste la daŭrigon suden, kiu estis parte malfermata por interkomuniko, kaj kiu en 1908, longa 1300 kilometrojn, atingis sian finon en Medina. Depost la eksplodo de la milito la Hedjas-fervojo iĝis uzata almenaŭ ĝis stacio Maan, precipe por militistaj celoj.

Intertempe la origine Angla Haifa-vojo estis plilongigita de la Turkoj ĝis Deraa, en la sudo de Damasko, dum aliparte la Francoj estis daŭrigintaj sian Libanan fervojon norden ĝis Aleppo.

La plej nova etendigo de la Siria fervojaro estas la parto konstruita en tiu ĉi jaro de la Suezkanalo ĝis sude de Jeruzalemo, kiun la Angloj pretigis ĉefe por militistaj celoj. Eĉ estas verŝajne, ke ili jus konstruis fervojon en la valo de la rivero Jordano.

Kiam la fervoja reto de la Siriaj regionoj estos iam sufiĉe kompleta, la malnova „lando de la promeso“ povos pravigi sian famon kiel lando, en kiu abundas lakto kaj mielo, ne pro siaj naturaj rimedoj, sed ĉar ĝi estos transirejo por la komercajoj de la Mezmaro al la Persa Golfo, t. e. de Sud- kaj Mezeŭropo al la Oriento; tiam eble la marbordaj urboj ree prosperos, kiel en la tempo de la Fenicoj Tiro kaj Sidono. Certe Palestino kaj Sirio neniam refariĝos lando kapabla nutri multajn milionojn da enloĝantoj, kaj ĉar la sekeco ĉiam malebligos intensan kulturadon, la komparo kun Argentino verŝajne ĉiam estos malĝusta. Se iam la plano de la Sionistoj realiĝos, estos necese trovi aliajn rimedojn ol tiujn de kampa ekonomio. Kiel mineralajoj ekzistas asfalto kaj sulfuro; per ekspluato de la akvofortoj de Jordano la industrio sendube estus potence helpata, sed momente ĝi estas nur provizota; kaj ankaŭ por profita komerco favoraj kondiĉoj devas esti kreataj, se oni alcelas sukceson laŭ modernaj ideoj.

El *„Der neue Orient“*.
Trad.: *A. C.*

---

# La milito ĉe la formikoj

*Auguste Forel* estas Svisa sciencuio kaj socia aganto kun tutmonda famo. La 1 septembro 1918 liaj admirantoj festis lian 70an naskiĝtagon. Li estis kaj ankoraŭ estas unu el la plej grandaj laborantoj, kiujn la tero portas, kaj lia persistega laboro estis tute dediĉata al la serĉo de la vero kaj al la bono de l' homaro. Konata estas la admiro por la genia karaktero de la observoj kaj malkovroj de Forel en la kampo de la vivo kaj de la moroj de la insektoj kiel en tiu de la anatomio de l' cerbo, de la neŭrologio kaj de la psiĥiatrio. Sed li estas ne nur granda sciencuto, li estas ankaŭ vulgariganto, semanto de ideoj kaj precipe homo de neelĉerpebla boneco. Li dediĉis sian vivon kaj sanon al la scienco kaj precipe al la socia bono, luktante kontraŭ la hipokriteco, la alkoholismo kaj la mamonismo sklaviganta la homaron. Diverslanden li vojaĝis, multege li laboris, tre simple li vivas, fondinte societojn moralajn, antialkoholajn, bontemplanajn k. a. La direktanta principo en lia medicina kaj socia agado fariĝis la malnova higiena sentenco: „Pli bone estas antaŭmalhelpi ol kuraci.“ Lia plej granda verko „La Seksa Demando“ akiris grandan sukceson, levis pasiajn polemikojn kaj estas tradukita en 14 lingvoj. Dekoj da sciencaj societoj en Eŭropo kaj Ameriko lin elektis honora membro, kaj kelkaj universitatoj donis al li sciencititolojn. Ĉiuj, kiuj konas S-ron Forel en lia persona vivo, unuanime certigas lian simplecon, modestecon kaj bonecon.

Helan lumon sur lia senlaca societa agado jetas la cirkonstanco, ke li estas la plej bona konanto kaj esploranto de la plej societema besto sur nia planedo – la formiko. Li priskribis pli ol 3000 novajn specojn de diversaj formikoj, publikigis pli ol 200 traktajojn pri ili kaj havas la plej riĉan kaj bone ordigitan kolekton de kelkaj dekmiloj de l' malgranda konstruanto, el ĉiuj partoj de l' mondo.

Lastatempe li montris sin por large humana socialismo, luktante de longe por la Societo de Nacioj aŭ pli ĝuste por „la Unuiĝitaj Ŝtatoj de la Tero“; sub tiu titolo li verkis libron enhavantan ankaŭ ĉapitron pri la internacia lingvo. „Sufiĉe vi detruis, rekonstruu!“ vokas li batalante kontraŭ la milito.

La suba studo de Romain Rolland resumas la rezultojn de la eksperimentoj de Forel pri la milito ĉe la formikoj. – *I. H. K.*

La nomo Auguste Forel estas prave fama en la Eŭropa scienco; sed ĝi ne estas tiel populara en lia lando kiel ĝi devus. Oni konas precipe la socian agemon de tiu granda bonulo, kies senlacan energion kaj fajran konvinkon aĝo kaj malsano ne povis malvarmigi.

Mi legis lastatempe kelkajn el la studoj de Forel pri la formikoj, kaj mi estis mirigata de la riĉeco de liaj eksperimentoj faritaj dum tuta vivo. Observante pacience, priskribante fidele la vivon de tiuj insektoj, tagon post tago, horon post horo, kaj dum jaroj, lia rigardo iras tre malproksimen en la fundo de l' naturo kaj sublevas momente parton de l' mistera vualo, kiu kovras niajn proprajn instinktojn.

Afero kurioza: la fama Franca entomologo J. H. Fabre kredis al la Providenco kaj al la bona Dio; D-ro A. Forel estas monisto psiĥofiziologo. Tamen, el la observoj de Forel pri la naturo eliĝas impreso multe malpli prema ol el tiuj de Fabre. Tiu ĉi vidis en siaj bestetoj nur miraklajn maŝinojn. Forel vidas, tie ĉi kaj tie, la fajreron de la reflekta konscienco, de la individua volo. Tio estas nur lumaj punktoj, kiuj de malproksime truas la mallumon. Sed tiu ĉi apero estas pro tio nur pli kortuŝa. Mi havis plezuron grupigi, en la amaso de tiuj observoj, tuton de faktoj, el kiuj oni vidas la miljaran instinkton, la *Anagkê* de l' speco, kontraŭbatalita, duonfaligita, disbatita. Kial tia konflikto estus malpli drama ĉe tiuj kompatindaj formikoj ol ĉe la Atridoj de la *Orestide?* Estas ĉie la samaj ondoj de blindaj aŭ konsciaj fortoj, la sama interfrapo de ombroj kaj de lumoj. Kaj la analogio

de certaj fenomenoj sociaj, kiujn oni observas ĉe tiuj miriadoj da malgrandaj estajoj, kun tio kio okazas ĉe ni, povas helpi al ni kompreni nin kaj — eble — regi nin.

Mi kontentiĝos tie ĉi restarigante, kiel simplan ekzemplon en la vasta repertuaro de la eksperimentoj de A. Forel, tiujn kiuj koncernas kelkajn statojn kolektivajn, psiho-patalogiajn, en la terura problemo, kiu nin ĉirkaŭpremas hodiaŭ: la milito.

⁂

La formikoj, diras A. Forel, rilatas al la aliaj insektoj kiel la homo al la aliaj mambestoj. Ilia cerbo superas tiun de ĉiuj insektoj per sia proporcia volumo kaj la komplikeco de sia strukturo. Se ili ne atingas ĝis la granda individua inteligenteco de la superaj mambestoj, ili superas ĉiujn bestojn per la socia instinkto. Ne estas do mirige, ke ĉe multaj punktoj ilia socia vivo proksimiĝas al la homaj societoj. Kiel la plej progresintaj el tiuj ĉi, ili estas demokratioj — kaj militemaj demokratioj. Ni vidu ilin laborantaj.

La formikŝtato estas neniel limigita al la formikejo: ĝi havas sian teritorion, sian regionon, siajn koloniojn, kaj, kiel la koloniaj potencoj, siajn staciojn de ripozo kaj de provizumo. La teritorio: herbejo, multaj arboj, plektobarilo. La regiono de ekspluatado: la tero kaj la subtero, la arboj de afisoj, tiun ĉi brutaron, kiun ili melkas, prizorgas kaj protektas. La kolonioj: aliaj nestoj loĝataj samtempe de la samaj formikoj, pli-malpli proksimaj de la metropolo kaj pli-malpli nombraj (kelkfoje pli ol ducent), kiuj komunikas inter si per subĉielaj vojoj aŭ per subteraj kanaloj. La deponejoj: malgrandaj nestoj aŭ terkabanoj por la formikoj, kiuj iras malproksimen, estas lacaj, aŭ estas surprizitaj de malbela vetero.

Nature tiuj ŝtatoj klopodas grandiĝi. Ili do konfliktas unuj kontraŭ aliaj. „La teritoriaj disputoj, ĉe la limo de du grandaj formikejoj, estas la ordinara kaŭzo de plej furiozaj militoj. La afisarboj estas la plej disputataj. Por certaj specoj, la subteraj regionoj (la plantradikoj) ne estas malpli disputataj. „Aliaj specoj vivas ekskluzive de milito kaj de rabaĵo. La *Polyergus rufescens* (la „Amazono“ de Huber) ne ŝatas labori kaj por tio ne estas kapabla; ĝi praktikas la sklavecon kaj sin servigas, zorgigas, nutrigas per siaj sklavaroj, kiujn ekspedarmeoj iras elrabi (en nimfoj kaj en kokonoj) en la najbaraj formikejoj.

La milito estas do endemia: kaj ĉiuj civitanoj de ĉi tiuj demokratioj, la formikaj laboristoj, estas elvokataj partopreni. Ĉe certaj specoj *(Pheidole pallidula)*, la militista klaso estas aparta de la laborista klaso; la soldato neniel miksiĝas en la hejmaj laboroj, travivas garnizonan, senokupan vivon, nenion farante, escepte dum la horoj, kiam ĝi devas defendi la pordojn per sia kapo [1]. Nenie oni vidas ĉefojn (almenaŭ daŭraj ĉefoj): nek reĝojn, nek generalojn. La ekspedarmeoj de la *Polyergus rufescens*, kiuj varias en sia nombro inter cent kaj du mil formikoj, obeas al fluoj, kiuj ŝajnas veni de malgrandaj grupoj, disŝutitaj tie ĉi kaj tie, jen ĉe la kapo, jen ĉe la vosto. Oni vidas, en la mezo de marŝo, la plimulton de la sekvantaro halti abrupte, sendecide, senmove, kvazaŭ paralizita; poste, subite, la iniciato aperas de malgranda komenca centro de formikoj, kiuj sin jetas en la mezon de la aliaj, frapas ilin ĉe l' frunto, antaŭensaltas en certan direkton kaj ilin fortrenas.

La *Formica sanguinea* lerte praktikas taktikon de batalo, kiun Forel priskribis post Huber. Tio ne estas la kompakta vico, laŭ maniero de Hindenburg, sed dislokitaj duonrotoj, kiujn konstante interligas kurieroj. Ili ne atakas fronte, sed klopodas surprizi de flanke, spionas la movojn de l' malamiko, celas, kiel Napoleono, esti, per la rapideco de sia koncentriĝo, la plej fortaj ĉe certa punkto kaj minuto, scias ankaŭ, kiel li, agi sur la moralstaton de l' malamiko, kaptas la psihologian momenton, kiam cedas la kuraĝo aŭ la kredo de l' malamiko kaj, en tiu sama sekundo, sin ĵetas sur ĝin kun nerezistebla furiozo, ne zorgante plu pri la nombro, ĉar ili scias, ke nun unu el ili valoras cent aliajn, kiujn dispelas la paniko. Cetere, kiel bonaj soldatoj, ili ne klopodas mortigi, sed venki kaj rikolti la fruktojn de la venko. Kiam la batalo estas gajnita, ili instalas ĉe ĉiu pordo de la venkita formikejo doganejon, kiu lasas la malamikojn forkuri, sed kondiĉe ke tiuj ĉi kunportos nenion; ili rabas kiel eble plej multe, kaj mortigas kiel eble plej malmulte.

Inter specoj de egala forto, kiuj luktas por siaj limoj, la milito ne daŭras ĉiam. Post tagoj de bataloj kaj de gloraj hekatomboj, ŝajnas, ke ambaŭ ŝtatoj rekonas la neeblecon atingi la celon de siaj ambicioj. La armeoj tiam sin retiras, laŭ komuna akordo, al ambaŭ flankoj de landlimo, akceptita de ambaŭ partioj, kun aŭ sen traktato, ĉiuokaze observata kun pli da severeco ol ĉe ni, kiam temas pri simplaj „paperĉifonoj“. La formikoj de ambaŭ ŝtatoj haltas tie rigore kaj ĝin transpaŝas neniel.

*(Daŭrigota.)*

*Romain Rolland.*
Trad.: *Iv. H. Krestanoff.*

[1] Oni utiligas ĝin ankaŭ por la ofico de viandisto: ĝi distranĉas la kaptajojn en malgrandajn pecojn.

# ✿ NOTOJ ✿

**La organizo de la Rusaj „Sovjet“.** — Malmultaj personoj scias ion precizan pri la interna organizo de la Rusa Sovjet-respubliko. Jen kelkaj informoj pri la maniero, en kiu estas balotataj la diversaj „Sovjet“ (= Konsilantaroj), kiuj direktas la respublikon.

La balotleĝo estis voĉdonita en julio 1918 de la kvina tutrusa Sovjet-kongreso; ĝi bazas sur la principo de la klasbatalo. Rajtas voĉdoni la regnanoj pli ol 18-jaraj (viroj aŭ virinoj), kiuj eltiras sian vivtenon el produkta aŭ komunutila laboro, laboristoj kaj oficistoj ĉiuspecaj, kiuj estas okupataj en la industrio, en la komerco, en la agrikulturo, k. t. p., kampuloj kaj kozakoj, kulturantaj kampon, kondiĉe, ke ili ne uzu la kamplaboron por atingo de profito.“ Saman rajton havas la soldatoj de la Sovjet-armeo kaj ŝiparo. Ne rajtas voĉdoni, nek esti elektataj, eĉ se ili apartenas al unu el la supraj kategorioj, „personoj, kiuj uzas salajrulojn por celo de gajno, personoj, kiuj vivas el senlabora rento, kiel procento el kapitalo, enspezoj el entreprenoj, rento el bieno; privataj komercistoj, komercaj peruloj, monaĥoj kaj oficistoj de la eklezio kaj de religiaj kultoj“. Al la lokaj „Sovjet“ apartenas la tasko difini laŭ tiuj reguloj, kiu rajtas aŭ ne rajtas voĉdoni.

La personoj voĉdonrajtaj balotas la deputitojn en la urbaj kaj vilaĝaj „Sovjet“. En la urboj oni balotas unu deputiton po 1000 loĝantoj, sed la nombro de la deputitoj ne devas malsuperi 50, nek superi 1000. En la vilaĝoj oni balotas unu deputiton po 100 loĝantoj; ilia nombro devas esti inter 3 kaj 50. La deputitoj restas tri monatojn en sia posteno. Ĉiu „Sovjet“ elektas inter si ekzekutan komitaton, kiu havas la lokan plenuman povon en siaj manoj. La vilaĝaj „Sovjet“ elektas deputitojn por la distriktaj kaj cerklaj kongresoj. Siavice la urbaj kaj distriktaj „Sovjet“ elektas deputitojn por la gubernia „Sovjet“. Por tiu ĉi oni balotas unu deputiton po 2000 urbaj aŭ 10,000 kampaj voĉdonantoj, sed la gubernia „Sovjet“ ne devas havi pli ol 300 membroj. La gubernioj estas grupigitaj laŭ provincoj, kies kongreso ne devas havi pli ol 500 membroj. Oni balotas unu deputiton po 5000 urbaj aŭ 25,000 kampaj voĉdonantoj. Ĉiuj tiuj kongresoj elektas ekzekutan komitaton.

La plej alta instanco de la respubliko estas la tutrusa „Sovjet“-kongreso, konsistanta el la reprezentantoj de la urbaj „Sovjet“ —

unu po 25,000 voĉdonantoj — kaj de la guberniaj „Sovjet“-kongresoj — unu po 125,000 loĝantoj. La tutrusa „Sovjet“-kongreso balotas la tutrusan centran ekzekutan komitaton, kiu ne devas havi pli ol 200 membroj; tiu ĉi estas la leĝdonanta kaj gvidanta organo de la respubliko. Ĝi elektas por la kondukado de la aferoj la „Sovjet“ de la popolkomisaroj, kiu estas speco de ministraro konsistanta el 18 membroj.

∴ **Internacia laborista protektado.** — La Franca parlamenta Laborkomisiono petis la registaron, ke ĝi klopodu por enskribi en la pactraktato diversajn decidojn pri la internacia laborista protektado.

La subskribontaj regnoj devos proklami sian volon plibonigi per internacia leĝaro la ĝeneralajn laborkondiĉojn, tiel ke estu protektataj la instruado de l' infano, la patrineco, la hejma kaj socia vivo, la fizika kaj morala sano de la laboristaro.

Laŭ tiu propono, la Packonferenco devos unue efektivigi la reformojn akceptitajn ĉe la Berna Konferenco en 1913, nome: malpermeso de la nokta laboro de l' junaj industriaj laboristoj, maksimume dekhora labortago por la virinoj kaj junuloj okupataj en la industrio. Plie, ĝi devos principe akcepti la jenajn reformojn, poste prilaborotajn de internacia Laborkonferenco: allaso al la laboro nur post la 14a jaro; limigo de la labordaŭro por la plenkreskuloj, kaj de nun okhora labortago en la fabrikejoj kun kontinua laboro kaj en la minoj; unu tago kaj duono semajne por ripozo; organizo kaj reciprokeco de la asekuro pri malsano, invalideco, maljuneco, senlaboreco kaj de leĝaro pri akcidentoj; egaleco de salajroj kaj de laborkondiĉoj inter la fremdaj kaj la enlandaj laboristoj.

Estas ankaŭ proponite, ke la pactraktato starigu periodan internacian Laborkonferencon, en kiu partoprenus delegitoj de la laboristaj kaj de la mastraj organizaĵoj. Tiu konferenco, kiu kunvenus ne pli malfrue ol ses monatojn post la Packonferenco, devus prilabori la internaciajn laborkonvenciojn, organizi kaj funkciigi en ĉiu lando laborinspektoraron, kies raportoj estos kompareblaj, kaj krei internacian Laboroficejon, kiu sin okupos pri statistiko, pri sociaj kaj teknikaj enketoj, pri alcentrigo kaj komparo de la informoj rilataj al la apliko de la laborkonvencioj en la diversaj landoj.

∴ **Eltenemo de la virino kaj viro.** — Pri la demando, ĉu la virino estas pli kapabla elteni la malfacilaĵojn de la vivo, okupiĝas Sveda ĉiutaga gazeto kaj venas al la konkludo, ke la milito malfermas ĉi-rilate novajn perspektivojn. La leĝoj de kelkaj ŝtatoj akceptas, ke la virino estas malpli forta, ekz. en Anglio. Se do ĉe iu fervoja katastrofo mortas la edzino kaj la edzo, la heredaĵon ricevos la parencoj de l' viro, ĉar la Angla leĝo eliras de l' vidpunkto, ke la virino, kiel malpli forta, mortis la unua.

La kuracistoj tamen opinias, ke la virino akceptas pli trankvile la ĉagrenigajn komunikojn kaj pli facile elportas la malĝojon ol la viro. Tio ĉi estas atribuata al la cirkonstanco, ke la virino estas elmetata al pli pezaj korpaj suferoj ol la viro. Alia teorio diras, ke la virino povas elporti pli facile la malvarmojn kaj fizikajn mankojn pro la plimulto da grasoj en ŝia korpo. Dum la milito montriĝis, ke la flegistinoj en la tranĉeoj ofte eltenas pli grandajn fizikajn kaj nervajn streĉojn ol la soldatoj. Tutajn monatojn ili travivas en tiu infero kaj aperas pli eltenemaj ol siaj kolegoj viroj: kuracistoj kaj sanigistoj.

La vivo de la fama aktorino Sara Bernhard estas pruvo pri la fenomena virina eltenemo. Je la aĝo de 72 jaroj, al ŝi estis fortranĉita unu kruro, kaj jaron post tio ŝi entreprenis artistan rondvojaĝon en Ameriko.

Miloj da virinoj laboris en la municiaj fabrikejoj ne nur ĉar mankis viroj, sed ankaŭ ĉar montriĝis, ke la virino povas fari pli da laboro. En Belgio kaj Nord-Francio la virinoj laboras en la minejoj puŝante karbovagonetojn, helpas ĉe la konstruado de domoj suprenlevante brikojn kaj morteron, laboras en brikfabrikejoj, kie ili puŝas terplenajn radportilojn, k. t. p.

La Amerika kuracisto D-ro Sargent konkludas, ke la virinoj povas esti tiel bonaj soldatoj, kiel la viroj. La virinoj, kiuj partoprenis la nunan militon, ekzemple la virina bataliono de Kerenski, montris la samajn kvalitojn, kiel viroj. Oni ne devas malgraŭ tio forgesi, ke la virinoj ne estas ekzercitaj en milita rilato kiel la viroj havantaj jarojn da militservo.

La historio konas multajn ekzemplojn pri la virina korpa forto. Virinoj de la Germanaj gentoj batalis ŝultro ĉe ŝultro kun siaj edzoj.

En Japanio, kiel ankaŭ en Ĉinio, la virinoj plenumas ofte la oficon de havenportistoj. En Bulgario dum la milito estas la virinoj, kiuj laboras la teron kaj nutras la patrolandon. En pactempo la rikolto en tutaj distriktoj estas kreata de virinoj, tial ke la viroj somere serĉas gajnlaboron en Rumanio, Rusio, Hungario aŭ Ameriko.

∴ **Kanalo Adria-Mincio.** — La komisiono por la studo de kanalo de Adria maro al rivero Mincio komencis siajn laborojn. Tiu akvovojo kunligus ne nur Milanon, Kremonon kaj Mantuon kun Venecio, sed ankaŭ la tutan Adrian maron kun Torino kaj kun Svisio.

∴ **La poŝto de la militkaptitoj.** — De la komenco de la milito ĝis novembro 1918, la Svisa poŝto transportis por la militkaptitoj en la diversaj landoj, precipe en Aŭstrio-Hungario, Francio, Germanio kaj Italio, 505,850,669 leterojn kaj poŝtkartojn, 21,761,903 malgrandajn pakaĵojn ĝis 1 kg, 91,983,698 pakaĵojn ĝis 5 kg, 6,596,434 pansendaĵojn kun pezo da 12,521,929 kg, 10,011,692 poŝtmandatojn kun valoro da 146,448,624. 45 Fr.

---

# Al niaj abonantoj

*En la monato decembro kaj januaro finiĝas la pli multaj abonoj. Ni insiste petas ĉiujn personojn, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, ke ili bonvolu senprokraste sendi al ni la reabonpagon: 5 Frankoj (Svisa valoro) por ordinara eldono aŭ 6. 25 Frankoj por luksa eldono.*

* * *

*La Germanaj abonantoj estas petataj de nun sendi ĉiujn korespondaĵojn kaj abonpagojn senpere al la administrejo de „Esperanto“ en Ĝenevo, 10, rue de la Bourse. S-ro Ellersiek, en Berlino, ne plu povas sin okupi pri la administro kaj transsendo de nia gazeto en Germanio.*

* * *

*Laŭ la provoj de ni faritaj, nia gazeto ree povas esti sendata al la diversaj landoj de la antaŭa teritorio de Aŭstrio-Hungario. Ĉiuj personoj, kiuj deziras ricevi nian gazeton dum 1919, bonvolu rapide sendi sian abonpagon, ĉu senpere, ĉu al S-ro D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien. (Prezo de la jara abono: 12 Kronoj).*

* * *

*Pro la necerteco de la poŝtaj komunikoj la administrejo de „Esperanto“ ne povas akcepti respondecon pri perditaj aŭ sekestritaj numeroj.*

* * *

*Por ke nia gazeto povu fari pluajn progresojn, estas necese, ke grave plimultiĝu la nombro de la abonantoj. Ĉiu helpu nin al tio! Ni volonte sendos specimenon al ĉiuj interesablaj personoj, kies adreson oni sendos al ni.*

 LITERATURO 

# Moti Guj, la ribelanto

de **Rudyard Kipling**

Iam estis en Hindio kafplantisto, kiu intencis kulturi parton de arbaro por plantado de kafo. Kiam li estis faliginta ĉiujn arbojn kaj bruliginta la arbetojn restis ankoraŭ la subtrunkoj kun radikoj. Dinamito estas multekosta kaj terfajro malrapida. La feliĉa ilo por forigi trunkojn estas la estro de ĉiuj bestoj, la elefanto. Li elfosas la grandajn radikojn per siaj dentegoj, se li havas, aŭ eltiras ilin per ŝnuregoj. Sekve la plantisto luprenis elefantojn, po unu, du, kaj tri, kaj eklaboris. La plej bona el ĉiuj elefantoj apartenis al la plej malbona el ĉiuj kondukistoj aŭ „mahouts"; kaj la nomo de tiu supera besto estis Moti Guj. Li estis la plena propraĵo de sia „mahout", kio neniam estus estinta sub la regado de Hinda estro, ĉar Moti Guj estis besto inda je la envio de reĝoj; kaj lia nomo, tradukita, signifis: la Perla Elefanto. Sed en la lando estris la Britoj, kaj Deesa, la „mahout", ĝuis neĝenite sian propraĵon. Deesa estis diboĉema. Kiam li gajnis multe da mono per la forto de sia elefanto, li kutimis ebriiĝi kaj per fosto de tendo bati Moti Guj sur la delikatajn ungojn de liaj antaŭaj piedoj. Ĉe tiaj okazoj Moti Guj neniam piedpremis for la vivon el Deesa, ĉar li sciis, ke post tia batado Deesa ĉirkaŭbrakos lian rostron, ploros kaj nomos lin sia amo kaj la hepato de sia animo, kaj donos al li brandon. Moti Guj multe ŝatis brandon, arakon prefere, sed pro manko de io pli bona li ankaŭ akceptis palmbrandon. Poste Deesa dormis inter la antaŭpiedoj de Moti Guj, kaj, ĉar Deesa ĝenerale elektis por tiu celo la mezon de strato, kaj Moti Guj gardis lin kaj malpermesis, ke piediranto, ĉevalo aŭ ĉaro trapasu, la trafiko estis haltigata ĝis Deesa bonvolis vekiĝi.

Sed ĉe la plantisto ne estis dormado dum la taglumo; la salajro estis tro alta por tion riski. Deesa sidis sur la kolo de Moti Guj donante ordonojn, dum Moti Guj elfosis radikojn — ĉar li posedis belegan paron da dentegoj; aŭ li tiris je la fino de ŝnurego, ĉar li havis belegan paron da ŝultroj, — dum Deesa puŝis lin malantaŭ la oreloj kaj diris, ke li estas la reĝo de la elefantoj. Vespere Moti Guj malsekigis per litro da arako siajn tri cent funtojn da verda nutraĵo, Deesa helpis trinkante kaj kantis inter la piedoj de Moti Guj ĝis estis tempo enlitiĝi. Unu fojon semajne Deesa kondukis Moti Guj al la rivero, kaj Moti Guj kuŝis komforte sur unu flanko en la malprofundaĵo, dum Deesa lin prilaboris per purigilo el kokosaj fibroj kaj per brikŝtono. Moti Guj neniam intermiksis la pezajn puŝojn de la briko kun la frapetoj de la purigilo, kiuj estis la signalo por leviĝi kaj rekuŝi sur la alian flankon. Poste Deesa inspektis liajn piedojn, ekzamenis liajn okulojn, kaj turnis liajn gigantajn orelojn pro eblaj vundoj aŭ signoj de okulmalsano. Poste ambaŭ revenis „kun kanto de l' maro", Moti Guj nigrega kaj brila, svingante en la rostro forŝiritan branĉon de dekdu futoj, kaj Deesa plektante siajn longajn malsekajn harojn.

Estis pacema, bone pagita vivo ĝis Deesa sentis la revenon de la drinkemo. Li alsopiris orgion. La modestaj diboĉetoj ne estis seriozaj kaj difektis lian virecon.

Li iris ĉe la plantisto kaj diris, plorante: „Mortis mia patrino."

„Ŝi mortis jam antaŭ du monatoj sur la alia plantejo; kaj ŝi ankaŭ mortis unu fojon antaŭe, kiam vi laboris por mi la lastan jaron", diris la plantisto, kiu ion konis pri la Hindaj kutimoj.

„Tiam estas mia onklino, kaj ŝi estis por mi kiel patrino", plendis Deesa, plorante pli ol iam. „Ŝi postlasis dek-ok infanetojn tute sen pano, kaj estas mi, kiu devas plenigi iliajn malgrandajn stomakojn", diris Deesa, frapante sian kapon sur la teron.

„Kiu alportis al vi la novaĵon?" demandis la plantisto.

„La poŝto", respondis Deesa.

„De la pasinta semajno ne alvenis poŝto. Iru al via posteno!"

„Ruiniga malsano falis sur nian vilaĝon, kaj ĉiuj miaj virinoj estas mortantaj", kriis Deesa, tiun fojon malseka je ploroj.

„Alvoku Chihun, kiu venas el la vilaĝo de Deesa", diris la plantisto. „Chihun, ĉu tiu viro havas edzinon?"

„Ne," diris Chihun, „ne; ne unu virino el nia vilaĝo alrigardus lin. Prefere ili edziniĝus kun lia elefanto." Chihun ridegis. Deesa ploris kaj kriis.

„Vi havos malagrablaĵojn post unu minuto", diris la plantisto, „iru al via laboro".

„Nun mi eldiros ĉielan veron", sopiris Deesa, kun subita inspiro. „Mi ne estis ebria de du monatoj. Mi deziras foriri por fariĝi konvene ebria, for kaj malproksime de tiu ĉiela plantejo. Tiel mi kaŭzos neniun malordon."

Momenta rideto krucis la vizaĝon de la plantisto. „Deesa", li respondis, „vi diris la veron, kaj tuj mi donus al vi la permeson, se io ajn povus esti farata kun Moti Guj dum via foresto. Vi ja scias, ke li obeas nur al vi."

„Ke la lumo de la ĉieloj vivu kvardek-mil jarojn. Mi nur forestos dek tagetojn. Poste, je mia kredo, honoro kaj animo, mi revenos. Rilate la nekonsiderindan intertempon, ĉu la ĉielnaskito afable bonvolas permesi, ke mi voku Moti Guj?"

Permeso estis donata kaj, kiel respondo al la akra alvoko de Deesa, alproksimiĝis la nobla rostrulo el arbareto, kie li estis ŝprucigínta sur sin polvon, atendante la revenon de la mastro.

„Lumo de mia koro, Protektanto de la ebriuloj, Monto de potenco, aŭdu!" diris Deesa, starante antaŭ li.

Moti Guj ekaŭdis kaj salutis per la rostro. „Mi foriras", diris Deesa.

Moti Guj palpebrumis, li ŝatis ekskursojn tiel kiel lia mastro. Vojirante oni povas kapti multajn diversajn agrablaĵojn.

„Sed vi, maljuna porko, vi devas resti kaj labori."

La palpebrumado malaperis, kiam Moti Guj klopodis fari gajan vizaĝon. Li malamis eligi radikojn en la plantejo, tio dolorigis la dentegojn.

„Mi forestos dek tagojn, mia ĉarmulo. Levu vian proksiman antaŭpiedon, kaj mi premos sur ĝin la fakton, veruka testudo el seka ŝlimejo." Deesa prenis tendfoston kaj batis Moti Guj dek fojojn sur la najlojn. Moti Guj gruntis kaj balanciĝis de unu piedo al alia.

„Dek tagojn," diris Deesa, „vi devos labori, kaj tiri kaj elfosi trunkojn kiel Chihun ordonos al vi. Suprenigu Chihun kaj sidigu lin sur vian kolon!" Moti Guj kurbigis la rostron, Chihun enmetis sian piedon kaj estis alsvingata sur la kolon. Deesa transdonis al Chihun la pezan „ankus", la feran elefantpikilon.

Chihun batis la senharan kapon de Moti Guj kiel laboristo frapas pavimŝtonon.

Moti Guj trumpetis.

„Silentu, porko arbetara! Chihun estas via „mahout" por dek tagoj. Kaj nun adiaŭu min, besto laŭ mia koro. Ho, mia princo, mia reĝo. Juvelo de ĉiuj kreitaj elefantoj, Lilio de la brutaro, konservu vian honoratan sanon; estu virta. Adiaŭ!"

Moti Guj volvis sian rostron ĉirkaŭ Deesa kaj svingis lin en la aeron dufoje. Jen lia maniero diri adiaŭ al la homoj.

„Li nun laboros," diris Deesa al la plantisto. „Ĉu mi povas foriri?"

La plantisto klinis la kapon kaj Deesa malaperis en la arbaroj. Moti Guj reiris elfosi trunkojn.

Chihun estis vere ĝentila kontraŭ li, tamen li sentis sin malfeliĉa kaj perdita. Chihun donis al li pakojn da spicaĵoj kaj gratis lin sub la mentono, la infaneto de Chihun ĝojsalutis lin post la laboro, kaj lia edzino nomis lin: mia karulo; sed Moti Guj estis instinkte fraŭlo, kiel Deesa. Tiajn ĝojojn familiajn li ne komprenis. Li deziris la revenon de la lumo de sia estado — la drinkadon kaj la ebrian dormon, la sovaĝajn batojn kaj sovaĝajn karesojn.

Malgraŭ tio li bone laboris, kaj la plantisto miris. Deesa estis vaginta sur la stratoj ĝis li trovis edziĝan irantaron el sia kasto kaj, drinkante kaj dancante, perdis ĉiun memoron pri la tempo.

Supreniris la dekunua tago, kaj neniu Deesa revenis. Moti Guj estis liberigata el siaj ŝnuregoj por la taglaboro. Li pretiĝis, rigardis ĉirkaŭen, levis la ŝultrojn kaj forpromenis, kiel iu havonta negocon aliloke.

„Hi, ho! revenu!" kriis Chihun. „Revenu kaj metu min sur vian kolon, misnaskita monto. Revenu, Brilo de la sudo, Ornamo de tuta Hindio, haltu aŭ mi batos ĉiun ungon de via grasa piedo!"

Moti Guj ĝentile gorĝblekis, sed ne obeis. Chihun kuris post li kun ŝnurego kaj kaptis lin. Moti Guj starigis siajn orelojn, kaj Chihun konis la signifon, kvankam li penis tion kaŝi per grandaj vortoj. „Ne faru malspritaĵojn kun mi," li diris. „Al viaj fostoj Diablido."

„Hrrump!" diris Moti Guj, kaj tio estis ĉio, tio — kaj la starigitaj oreloj.

Moti Guj metis la manojn en siajn poŝojn, maĉis branĉon, kvazaŭ ĝi estus dentpurigilo, kaj promenis tra la plantejo, mokante pri la aliaj elefantoj, kiuj ĵus komencis labori.

Chihun raportis la staton de l' aferoj al la plantisto, kiu eliris kun hundvipo kaj krakigis ĝin furioze. Moti Guj honorigis la blankan viron je speciala atento persekutante lin kvaronon da mejlo tra la tuta plantejo kaj „hrrumpigante" lin en la verandon. Poste li staris antaŭ la domo ridetante kaj skuis sin pro amuzo, laŭ elefanta maniero.

„Ni draŝu lin," diris la plantisto. „Li havu la plej perfektan draŝadon, kiun iam ricevis elefanto. Donu al Kala Nag kaj al Nazim dekdu futojn da bona kateno, kaj ordonu al ili dudek batojn."

Kala Nag — tio estas Nigra Serpento — kaj Nazim estis du el la plej grandaj elefantoj, kaj unu el iliaj devoj estis apliki la pli gravajn punojn, ĉar neniu homo povas konvene bati elefanton.

Ili prenis la punkatenojn kaj sonigis ilin en siaj rostroj kiam ili alproksimiĝis je Moti Guj kun la intenco lin puŝi inter sin. Neniam en sia vivo de tridek-naŭ jaroj Moti Guj estis batita, kaj li ne ŝatis fari novajn spertojn. Tial li atendis, balancante la kapon dekstren-maldekstren kaj esploris la taŭgan lokon en la grasa flanko de Kala Nag, kie puŝo de lia dentego plej sukcese enprofundiĝus. Kala Nag ne havis dentegojn; la kateno estis lia signo de aŭtoritato; sed lastmomente li kredis oportune fari grandan ĉirkaŭvojon for de Moti Guj, ŝajnigante kvazaŭ li estus alportinta la katenon por amuziĝo. Nazim returnis kaj baldaŭ iris hejmen. Li ne sentis sin batalema tiun matenon; sekve Moti Guj estis lasata sole kun siaj streĉitaj oreloj.

Tio decidigis la plantiston rezigni je plia konvinkiĝo, kaj Moti Guj reiris inspekti la plantejon. Elefanto ne ligata, kiu ne volas labori, estas traktebla pli malfacile ol kanono de okdek tunoj malfiksata sur ŝipo dum ventego. Li frapetis malnovajn amikojn sur la dorson, demandante, ĉu la trunkoj facile eliras; li babilis malspritaĵojn pri laboro kaj la neforigeblaj rajtoj de elefantoj je longa tagmeza ripozo, kaj promenante tien kaj ien malmoraligis la plantejon ĝis sunsubiro, kiam li reiris al sia kuŝejo por vespermanĝo.

„Se vi ne volas labori, vi ne manĝos," diris Chihun kolere. „Vi estas sovaĝa elefanto, kaj tute ne edukata besto. Reiru al via „jungle"." (Hinda arbar-densejo.)

La bruna knabeto de Chihun, sin rulante sur la planko de la dometo, elstreĉis siajn grasajn braketojn al la granda ombro ĉe la enirejo. Moti Guj bone sciis, ke tio estas la ajo de Chihun plej multe amata sur la tero. Li elsvingis sian rostron kun alloga nodo je la fino, kaj la infaneto kriante pro plezuro grimpis sur ĝin. Moti Guj ĝin ĉirkaŭprenis kaj levis la rostron ĝis la bruna infano ŝvebis en la aero, dekdu futojn super la kapo de sia patro.

„Granda estro!" diris Chihun. „Farunaj kukoj, el la plej bonaj, dekdu laŭ nombro, larĝaj du futojn kaj malsekigitaj per rumo estos tuj viaj, kaj kun ili ducent funtoj da freŝe tranĉita sukerkano. Nur bonvolu sekure remeti tiun modestegan idon, kiu estas mia koro kaj vivo."

Moti Guj deponis la infanon komforte inter siaj antaŭaj piedoj, kiuj estus povintaj dispremi je dentligneto la tutan domon de Chihun, kaj atendis sian manĝon. Li prenis ĝin, kaj la infaneto forrampis. Moti Guj revis, pensante pri Deesa. Unu el la multaj misteroj rilate elefantojn estas, ke ilia giganta korpo bezonas malpli da dormo ol iu ajn alia estaĵo. Kvar aŭ kvin horoj sufiĉas — du ĝuste antaŭ meznokto, kuŝante sur unu flanko; du ĝuste post la unua horo, sur la alia flanko. La resto de la silentaj horoj estas plenigata per manĝado, per balancado de la korpo kaj longaj grumblaj monologoj.

Meznokte Moti Guj do leviĝis, ĉar alvenis al li la penso, ke Deesa eble kuŝas ebria en la nigra arbaro kun neniu, kiu zorgus por li. Tial li ĉasis la tutan nokton tra la arbaro, blovis, trumpetis kaj movis la orelojn. Li malsupreniris al la rivero, kie Deesa kutimis lin purigi, kaj kriegis, sed ne alvenis respondo. Li ne povis trovi Deesa, sed maltrankviligis la tutan elefantaron en la plantejo kaj preskaŭ morte timigis kelkajn ciganojn, kiuj estis en la arbaro.

Frumatene Deesa revenis al la plantejo. Li estis bone ebriiĝinta kaj antaŭvidis seriozajn malagrablaĵojn pro la troa foresto. Kontente li sopiris, vidante, ke la mastra domo kaj la plantejo ne estis difektitaj — li konis la temperamenton de Moti Guj — kaj prezentis sin kun multaj mensogoj kaj „salaams" (salutoj). Moti Guj estis reirinta al sia restadejo por matenmanĝi, lia nokta ekzerco donis al li apetiton.

„Alvoku vian beston", diris la plantisto, kaj Deesa kriis en la mistera elefanta lingvo, kiu, laŭ la kredo de kelkaj „mahouts", venis el Ĉinio, je la naskiĝo de la mondo, kiam estris la elefantoj kaj ne la homoj. Moti Guj aŭdis kaj venis. Elefantoj ne galopas, ili simple moviĝas laŭ diversaj gradoj de rapideco. Se elefanto dezirus atingi rapidan trajnon, li ne povus galopi, sed li atingus la trajnon. Tiel Moti Guj estis ĉe la domo de la plantisto antaŭ kiam Chihun nur rimarkis lian foriron. Moti Guj falis en la brakojn de Deesa, trumpetante de plezuro; homo kaj besto alvokis kaj ploris unu pri la alia, kaj ili surtuŝis unu la alian de kapo al kalkano por certiĝi, ke al la amiko neniu malbono estis okazinta.

„Nun ni iru labori", diris Deesa. „Levu min supren, mia filo kaj ĝojo."

Moti Guj suprenigis lin, kaj ambaŭ foriris al siaj elradikigotaj trunkoj.

La plantisto estis tro mirigata por senti gravan koleron.

Trad.: *Ed. Stettler.*

El: „The Kipling Reader".

---

# Soneto

*Animo mia ploras en turmento,*
*Kaj batas maltrankvile mia kor'.*
*Sur kampo vasta blovas bruc vento,*
*Malgaje velkas odorinta flor'.*

*Tra grizaj nuboj lumas firmamento,*
*Kaj plende plaŭdas, siblas pluva plor'*
*Min ĉirkaŭprenis tre neklara sento,*
*Ne estas ĝi simila al dolor'.*

*Aŭdante ĝemojn de la melodi'*
*De l' venta kanto de malesperiĝo,*
*Memoras mi momenton de l' disiĝo.*

*Parolojn miajn plenajn de pasi',*
*Miksitajn kun venanta apati'*
*Sub signo de premanta disreviĝo . . .*

*N. Nekrasov* (Moskvo).



ESPERANTISMO



# Alvoko al la Esperantistaro

Genevo, la 1 januaro 1919.

Esperantistoj!

Fine ĉesis la interpopola batalado, kiu dum pli ol kvar longaj jaroj nedireble suferigis la koron de la Esperantistoj. La hela lumo de la paco ekaperas ĉe la horizonto; nova vivo komenciĝas!

En la daŭro de la lastaj monatoj grandegaj okazintaĵoj plenumiĝis kun fulma rapideco. Malnovaj imperioj forfalis, popoloj emancipiĝis, kadukaj idealoj estis venkataj, ĉio renoviĝas kaj transformiĝas antaŭ niaj okuloj mirigataj. Kia ordo elkreskos el la nun interbatalantaj fortoj, neniu jam povas antaŭdiri kun plena certeco, sed ĉiu ja sentas, ke la estonto apartenas al la ideoj de libereco, de justeco, de interpopola kompreno, kiuj fine traboras la glacian tavolon de la homaj antaŭjuĝoj kaj sin nun nerezisteble trudas al la mondo trompita de la malnoviĝintaj sistemoj de perforto.

Aparte korprema por ni, Esperantistoj, estas la hodiaŭa momento. La triumfo de la demokratiaj ideoj en la mondo kiel ankaŭ la teruraj spertoj de la milito lasas esperi, en proksima tempo, la fondon de tiu Ligo de la Nacioj, kiu estis prirevita de tiom da noblaj pensuloj. Kun entuziasma koro ni ĝin antaŭsalutas, kaj ĉiu el ni laŭ sia povo certe helpos al tio, ke ĝi venku ĉiujn malfacilaĵojn. Tamen, kiu havas kelkan sperton pri la problemoj de la internacia vivo, tiu klare sentas, ke la starigo de daŭra paca ordo dependas ne sole de pli aŭ malpli taŭgaj leĝoj kaj de pli aŭ malpli juste desegnitaj landlimoj, sed antaŭ ĉio de la ebleco de paca kunlaboro inter la popoloj, de ilia reciproka kompreno kaj tolero. Kiel Esperantistoj ni scias, ke el la diversaj rimedoj celantaj la plibonigon de la interpopolaj rilatoj, neniu estas pli efika ol la disvastigo de nia lingvo, dank' al kiu falos por ĉiam la miljaraj baroj, kiuj apartigas la diversnaciajn bonvolulojn, kaj plirapidiĝos la progresoj de tuthomara civilizo. Ni konscias, ke nun pli ol iam Esperanto estas necesega al la mondo, kies estontan unuecon ĝi esprimas. Ke aliparte ĝi estas ludonta gravan rolon en la praktikaj internaciaj rilatoj de la ĉiutaga vivo, pri tio ni ne bezonas insisti. Ni do pro multaj kaŭzoj rajtas rigardi al la estonto kun espero kaj kuraĝo.

Tra la tuta mondo oni nun klopodas restarigi tion, kion detruis aŭ difektis la milito. Ankaŭ por ni, Esperantistoj, venis la momento por rekonstrui nian aferon kaj rekomenci nian agadon kun duobligita fervoro. Dum kvar jaroj nia paca laboro estis grave malhelpata. Multaj samideanoj estis vokataj al la batalkampo, en granda nombro de lokoj la Esperantistaj organizaĵoj pereis aŭ nur vivetis, la internaciaj komunikoj estis apenaŭ eblaj. Ke spite tiom da malfavoraj kondiĉoj, nia afero ne mortis, sed, malsimile al preskaŭ ĉiuj aliaj internaciaj movadoj, venke eltenis kontraŭ la krizo, estas brila pruvo pri ĝia vivforto. Fieraj ni povas esti pri tiu rezultato. Ĝi tamen ne trompu nin! De nun ni devas ne nur ekzisti, sed progresi kaj por tio energie streĉi ĉiujn fortojn niajn. Ne facila ja estos la unua postmilita periodo, sed kun obstino kaj pacienco ni venkos la barojn, se ĉiu agas kun tiu sama fajra fervoro, kiu regis ĉe niaj unuaj pioniroj, kaj estas nun nepra kondiĉo de sukceso.

*

Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj kaŭzitaj de la milito, daŭrigis funkcii la Centra Oficejo de UEA, sola internacia centro de Esperantismo, kaj regule aperis la gazeto „Esperanto“. Tiuj rezultatoj estis eblaj nur dank' al gravaj oferoj de laboro kaj mono, kaj dank' al la subteno de kelkaj centoj da fidelaj samideanoj. Pruvinte sian vivpovon dum la pasintaj malfacilaj jaroj, UEA rajtas esperi, ke la Esperantistaro konfidos al ĝi por la ĝustatempa prizorgado de la komunaj taskoj kaj por la rekonstruado de la internaciaj aranĝoj.

La cirkonstancoj ne estas ankoraŭ tiaj, ke detala laborprogramo povas esti starigata. Sed la Centra Oficejo de UEA diligente studas la diversajn postmilitajn problemojn, kaj siatempe konigos siajn intencojn kaj planojn. Dezirante labori en plena interkonsento kun la naciaj Esperantistaj societoj kaj informiĝi pri iliaj opinioj kaj deziroj koncerne la estontajn taskojn, ĝi aranĝis ĉe tiuj organizaĵoj enketon, kiu helpos al la starigo de komuna laborplano konforma al la nuntempaj bezonoj. Tuj kiam la militpartoprenintoj estos revenintaj hejmen, ĝi reorganizos la servojn de la Asocio, sin adaptante al la ekzistantaj eblaĵoj, kaj klopodos elekti delegitojn en kiel eble plej multaj lokoj. Kiam tiu reorganizo estos sufiĉe progresinta, ĝi ree eldonos la Jarlibron, kiu antaŭe tiom helpis al la uzado de Esperanto, kaj alpaŝos al aliaj ĝeneralaj propagandaj kaj praktikaj laboroj nun pristudataj.

Certe neniam mankos la plenumotaj taskoj. Sed ni rememoru, ke la plej belaj projektoj kaj la plej sagacaj iniciatoj estas vanaj, se ĉiuj Esperantistoj ne kunlaboras al ilia realigo kun fervoro kaj seriozeco. Ne sole la gvidantoj de la movado devas agi, sed ĉiu, eĉ la plej humila samideano, povas helpi al la komuna sukceso, aktive interesiĝante al la vivo de nia afero, aliĝante al UEA kaj al la lokaj kaj naciaj organizaĵoj, disvastigante Esperanton en sia rondo. Precipe urĝaj estas la varbado de novaj Esperantistoj kaj, en ĉiu loko, la reorganizado de la Esperantista grupo, kiu estas la necesa fundamento por efika komuna agado. La milito ne malgrandigis la sukcesŝancojn de Esperanto, sed kontraŭe, pro la kreskanta interesiĝo al internaciaj problemoj, kiu de ĝi rezultis, ĝi igis nian taskon pli facila kaj nian penadon pli favore atentata. Ni do sciu profiti la novajn cirkonstancojn, kaj sentime iru antaŭen.

La batalo, kiun ni rekomencas, kondukos al la sukceso nur se ni ĉiuj laboras en plena unueco kaj konkordo.

Por kunligi la individuajn klopodojn kaj direkti ilin al trafa agado, ekzistas diversaj Esperantistaj organizaĵoj, lokaj, naciaj, internaciaj. Oni energie subtenu, morale kaj materie, tiujn, kies vivkapablecon kaj utilecon montris kelkjara sperto, sed oni nepre evitu senprudente krei aŭ restarigi entreprenojn, kiuj ne respondus al ĝenerale sentata bezono kaj ne havus sufiĉajn vivrimedojn. Nia antaŭmilita agado ofte estis malfaciligita de disputoj pri organizaj demandoj, kiuj devenis de tio, ke oni estis senpripense farinta tro komplikajn aŭ nenecesajn aranĝojn. Tiaj eraroj ne estu ripetataj. Nia organizo devas esti simpla. Ĉio necesa en tiu rilato jam ekzistas; sufiĉas ĝin plibonigi kaj harmonie kunordigi.

En la komenco de tiu nova periodo, estas ankaŭ necese, ke estu flanken metataj ĉiuj personaj demandoj kaj disputoj. Kiel diris nia karmemora Majstro en sia lasta kongresparolado: „Per unueco ni pli aŭ malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune.“ For la senutilaj personaj disputoj! For intrigemo kaj klaĉemo! La nova tempo postulas antaŭ ĉio seriozajn laboremulojn, bonajn konstruantojn, sindonemajn pionirojn.

Pretigu vin al la laboro, karaj samideanoj, kaj kuraĝe antaŭen, por la baldaŭa triumfo de nia kara lingvo kaj la starigo de pli bona homaro. Vivu Esperanto!

En la nomo de UEA,

| La Direktoro: | La Vicdirektoro: |
| --- | --- |
| H. Hodler. | Ed. Stettler. |

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

*Wien:* S-ro Steinhauer gvidas du kursojn. S-ro dir. Schamanek gvidas kurson en la teknika lernejo. La Akademia Esp. Asocio estas restarigita dank' al klopodoj de S-ro W. Illing. Esp. Societo Danubio ĉiam pli prosperas. Aliĝis 16 novaj m. Kurso malfermiĝis.

## Bohemio.

*Praha:* La movado revigliĝas trovante post la proklamo de la sendependeco la situacion pli favora. En oktobro, laŭ propono de Bohema Asocio Esp., estis aranĝita de Osvětový Svaz (Ligo por popola klerigo) kurso, kiun gvidas D-ro Kamaryt; 50 p., inter ili 15 virinoj. La sama institucio aranĝis en Popola Universitato de Hus serion da paroladoj pri „Tuthomaraj interesoj", en kiuj dum 3 vesperoj D-ro Kamaryt parolis pri L. I., sekr. Schmidt pri internaciaj pagoj. En printempo konstruiĝis konstanta komitato de Bohemaj Esp-istoj el 3 m. de Unio Esp. kaj 3 m. de Asocio Esp. por prepari la fondon de unusola centra organizo. Multe vizitita kunveno de Esp-istoj el ambaŭ partioj, post paroladoj de S-roj Procházka kaj Hromada, decidis en konkordo malfondi la du ĝisnunajn organizaĵojn kaj fondi unu, al kiu aliĝu ĉiuj Bohemaj Esp-istoj. Ĉe la unua kunveno de Bohema Societo post la revolucio parolis D-ro Kamaryt por honori la 60-jaran jubileon de filozofo, universitata prof. D-ro Fr. Krejči, kiu estas unu el la honoraj prez. de la Krakova kongreso. S-ro Hromada citis lian artikolon: Pri la signifo de Esp. en la kultura evoluo. Laŭ propono de F-ino Šupichová estas aranĝita konstanta informa servo por fremdaj Esp-istoj en kafejo Union. La kunvenon de 19 novembro partoprenis unuaj revenintoj el la batalkampo: Prof. Pitlik, konata al samideanoj per sia vojaĝo tra Eŭropo, R. Šáda, red. de soc.-dem. gazeto „La Kulturo", S-ro Lukáš M. La 8 novembro vizitis S-ron V. Kraus, Del. de UEA, Itala leŭtenanto Enrico Violi, red. de „Roma Esperantisto". Bohema Asocio Esp. proponis al Národní výbor (Nacia regantaro) servojn de Esp. La unua Ĉeĥoslovaka ministro por kulturo, soc.-dem. G. Habermann, esprimis al deputitaro favoron por Esp. kaj promesis solvi la demandon pri la enkonduko de Esp. en komercaj lernejoj. La Bohema Societo aranĝis la 10 decembro kunvenon, en kiu parolis S-ro Hromada: Esp. en la servo de la Ĉeĥoslovaka afero antaŭ la milito. S-ro Šilha rakontis pri sia sekreta korespondado kun fremdlando dum la milito, sub poŝtmarko; ĉeestis 50 p. La Fraŭlina Rondeto aranĝis festvesperon por soleni la Respublikon. F-ino Šupichová paroladis pri la devoj de la Esp-istoj en la nova Respubliko. — *Plzen:* Lidova Škola (popola lernejo de soc.-dem. partio) aranĝis kurson, en kiu instruas S-ro J. Pech.

## Britio.

*Aberdeen:* La lerneja komisiono, post paroladoj de S-ro Bredall k. a., organizis en la publikaj lernejoj du kursojn kun 65 l. — *Blandford:* S-ro B. Woffrich per propagando en la kaptitejo sukcesis aranĝi kurson kun pli ol 20 p. — *Brighton and Hove:* Okazis la 14a jara ĝenerala kunveno de la grupo. La lasta periodo estis tre kontentiga. F-ino Sim daŭrigas sukcese kurson por progresintoj. F-ino Dovey kaj S-ro Dorlencourt gvidas la vesperajn klasojn. — *Gowdenbeath:* Esp. estas instruata de S-ro Joung en la duagrada lernejo, 30 l. — *Edinburgh:* Multaj paroladoj de S-roj Page, Robbie, Walls, S-ino Senior. Kurso formiĝis. La elementa kurso havas 22 l.; instruas F-ino Stewart. S-ro Warden instruas la diploman kurson. En Tynecastle Supplementary School kaj Donaldson's Hospital-lernejo oni instruas Esp. kiel parton de la dumtaga lecionaro. El la raporto de la Skota Federacio vidiĝas, ke Esp. tre progresas en la Skotaj lernejoj. Oficialaj vesperaj kursoj kun pagitaj instruistoj nun komenciĝas sub 10 edukaj aŭtoritatoj. — *Gateshead:* La membraro de la grupo duobliĝis. — *Glasgow:* Propagandaj paroladoj antaŭ multnombra publiko, sub prezido de S-ro Buchanan. S-ro White klarigis la gramatikon, kaj Japana samideano, S-ro Tsuchiya, parolis en Esp. S-roj Scott kaj Cracken ankaŭ parolis. — *Knockaloe:* En tiu kaptitejo sur Isle of Man estas aranĝitaj 6 kursoj kun ĉ. 400 l. — *Leicester:* La movado revigliĝas. S-ro Freeman paroladis antaŭ entuziasma aŭdantaro, post kio estis starigata kurso, kun 20 l. Nova kurso malfermiĝis sub la aŭspicioj de la Koopera Eduka Komitato, sub la gvidado de S-ro Freeman. — *Leith:* La lerneja komisiono starigis kurson en la Teknika Akademio, kun 19 l., kiujn instruas F-ino Baird. — *Letchworth:* S-ro Butler faris propagandan paroladon. — *London:* Vintra kurso stariĝis en „Hugh Myddleton Commercial Institute", kun gvidanto S-ro J. A. Calvert. Promesplena kurso okazas en „Hammersmith Commercial Institute" kun la sama gvidanto. — *Liverpool:* Ĉe festo organizita de la urbestro por helpi al la Ruĝa Kruco, estis organizita Esp. kiosko kaj ekspozicio. La publiko montris grandan intereson. Multaj propagandiloj estis disdonataj. — *Manchester:* La vintra sezono malfermiĝis per publika kunveno, kie ĉefparolanto estis S-ro Brown; la prez. S-ro Wright uzis la okazon por rekomendi UEA. La kursoj bone prosperas. — *Northenden:* S-ro Wright faris prelegon pri Esp. antaŭ 80 p. — *Preston:* Lancashire kaj Cheshire Federacioj okazigis kvaronjaran kunvenon. Ĉeestis membroj el Blackburn, Chorley, Liverpool, Accrington, Southport k. a. S-ro Applebaum prezidis. La Direktoro de Edukado, S-ro Berry, disdonis atestojn al la sukcesintaj kandidatoj en la Esp. ekzameno ĉe la Harris-Instituto kaj afable ricevis deputitaron rilate al la enkonduko de Esp. en la lernejojn. — *Sheffield:* La ĉiujara kunveno okazis kun multaj ĉeestintoj. S-ro Rodgers rekomencis kursojn.

## Francio.

*Angers:* S-ro Muffang gvidas kurson; 25 l. — *Poitiers:* En la kaptitejo S-ro Hans Alles havas 15 l., kiuj faris kontentigajn progresojn.

## Germanio.

*Berlin:* Fondiĝis la „Unua Esperantista Frey-Grupo", prez. S-ro D-ro P. Rumpel, Berlin-Wilmersdorf, Motzstrasse 52. Tiuj societoj „Frey" rapide disvastiĝas en Germanio, ili alcelas la progresigon de diversaj kulturaj movadoj, inter ili Esp., kaj estas fonditaj laŭ la ideoj de la libro „Princoj sen krono", verkita de la Esp. propagandisto S-ro D-ro Nienkamp. — *Bromberg:* Tri kursoj estas aranĝitaj. La lokaj gazetoj afable raportis per artikoloj. — *Dresden:* El raporto pri UEA vidiĝas, ke dum la lasta jaro aperis 15 anoncoj por la kunvenoj, post kiuj la lokaj gazetoj donis mallongajn notojn pri la paroladoj. En la 12 vesperoj kunvenis 417 p. — *Frankfurt a. Oder:* D-ro Perl faris paroladon en la „Libera Superlernejo" kaj komencis kurson kun 22 p. — *Gera:* Nova kurso okazas kun 10 l. — *Göthen:* Ĉiusemajne S-ro dir. Foehr prelegas pri Esp. en la Friedrichs-Politekniko. — *Hammerstein:* En la militkaptitejo la Rusoj fervore kaj rapide lernas Esp. — *München:* „Internacia komerca kaj komunika unuiĝo" rekomencis sian agadon. Esp. kursoj komenciĝis. Kelkaj gravaj firmoj jam aliĝis. — *Schweidnitz:* La grupo komencis kurson. La „Schlesisches Tageblatt" atentigis pri ĝi kaj pri la grava rolo de Esp.

## Hispanio.

*Barcelona:* La Esp. Societo „Paco kaj Amo" aranĝis enketon pri Esp. inter famaj Hispanoj. Aproba respondo venis i. a. de Grafo Romaňones. La grupo „Nova Sento" okazigis grandan vesperfeston, ĉe kiu S-ro Canales paroladis. — *Madrid:* Esp. socialistoj celas restarigi la grupon „Libera Homo". Ankaŭ baldaŭ oni fondos Esp. fervojoficistan grupon, por kiu jam 16 m. estas pretaj. S-ro L. A. Ramirez malfermis kurson ĉe la Popoldomo. — *Sabadell:* Okazis festo, ĉe kiu S-ro M. Solá paroladis antaŭ 700 p. pri la utileco de Esp. kaj dediĉis kortuŝajn vortojn al nia Majstro.

## Hungario.

*Budapest:* Sukcese prelegis S-ro Szalay Ambrus, montrante grandan ekspozicion de diversaj Aziaj kaj Aŭstraliaj poŝtbildkartoj. La plej granda rezultato estas: permeso de la instruado de Esp. en la Budapeŝta Scienca Universitato. La kurson gvidos D-ro Leo Loránd. Okazis amasa disdonado de flugfolietoj pri Esp. Estas starigita Propaganda Komitato de L. I., celanta 1e disvastigi Esp. en Hungario, 2e konigi Hungarion kaj ĝian literaturon, kulturon, arton eksterlande. En la komitato eniris famaj publicistoj. Ĉefsekr. estas S-ro Balkányi. Fama Hungara verkisto, Frigyes Kariuthy, skribis en „Pesti Napló" belegan artikolon pri Esp. La taggazeto „Uj Hirek" proponis siajn kolonojn por Esp. Fama lingvisto, prof. D-ro Simonyi, estas interesigita al nia lingvo kaj verkis por ĝi. *Szeged:* Estas granda interesiĝo pri la nova kurso. Rusa samideano, V. Timofeev, priparolis interesajn aferojn pri sia militkaptiteco.

## Norvegio.

Dum la nacia kunveno de la Norvegaj Esp-istoj, ĉe la Skandinava kongreso, okazis jena reelekto de la komitato de N. E. L.: Prez. S-ro Bruno Rifling; vicprez. S-ro O. Störgn; sekr. S-ro H. Thomsen kaj F-ino J. Finholt; aliaj anoj Ragnv. Rian kaj O Brochman-Sletteröd; rev. F-ino R. Bye kaj S-ro P. Vasmoen. — *Kristiania:* La kurso de F-ino Bye por instruistoj kontentige sukcesis. S-ro Rifling starigis superan kurson, kies partoprenintoj nun diligente tradukas ĉefverkojn de la Norvega literaturo en Esp.

## Polio.

*Tomaszow:* S-ro Samuel Schiflinger organizis grupon de 40 laboristoj.

## Svedio.

*Gävle:* S-ro V. Helsing gvidas du kursojn, unu kun 25 kaj la alia kun 23 p. La lasta estas por popollernejaj instruistoj. — *Örnsköldsvik:* La klubo aranĝis grandan feston kun ekspozicio, kiun malfermis rektoro Perman. La prez. inspektoro Sjögren bonvenigis la ĉeestantojn, kaj ĵurnalisto Adamson paroladis pri „La latino de la nova tempo". La klubo komencis novan kurson kun 72 p., kiun S-ro Adamson gvidas. — *Stockholm:* Fondiĝis la „Eldona Societo Esperanto sen persona respondeco", por kies estraro oni elektis S-rojn Ad. Larson, F. Skog kaj H. Halldor.

## Svisio.

*Lausanne:* La iondata filio de la Brusela oficejo de la Unuiĝo de Internaciaj Asocioj turnis sin al D-ro de Saussure por traduko farota en Esp. de la tabuloj de decimala klasado. — *Locarno:* Estas aranĝita ekspozicio. S-ro D-ro Uhlmann faris paroladon, sekve de kiu Prof. Olivier komencis kurson. S-ro Pedrazzini intencas malfermi Esp. hejmon.

## Argentino.

*Bahia Blanca:* S-ro Teofilo Dintil faris propagandan paroladon pri L. I. — *Buenos Aires:* La kurso multe prosperis. Nova prepariĝas kun 200 p. — *La Plata:* La Centro Esp. inaŭguris kurson en la Muzika Instituto.

## Usono.

*San Francisco:* Okazis la sesa jara kunveno de la Kalifornia Esp. Rondaro; ĝi kontentige sukcesis. Estis elektataj kiel prez. S-ro D-ro H. W. Yemans, kiel sekr. F-ino M. D. Van Sloun.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj la Ligo de la Nacioj.** — En *Britio* la komitato de B. E. A decidis proponi la alprenon de Esperanto al la Brita Societo por la Ligo de la Nacioj. Oni intencas aranĝi publikan manifestadon por subteni la proponon.

En *Germanio* S-ro D-ro Arnhold iniciatis petskribon al la Germana organizo por la preparo de Interŝtata Ligo, por ke ĝi akceptu Esperanton. La petskribo montras la necesecon de internacia lingvo por la estonta Ligo de la Nacioj kaj informas pri la ĝisnunaj sukcesoj de Esperanto. Personoj dezirantaj helpi al la kolektado de subskriboj bonvolu sin turni al S-ro D-ro Arnhold, Waisenhausstr. 20, Dresden.

En *Italio,* la Itala Esp. Federacio sin turnis al la provizora komitato de la Universala Ligo de la liberaj nacioj, por ke ĝi studu la demandon pri internacia lingvo. La nomita komitato akceptis, ke Esperanto estu prezentata ĉe la kongreso de la Ligo, okazinta en Milano la 14 decembro. S-ro D-ro Filipetti estis komisiita fari la raporton.

En *Usono,* la Ligo por daŭra paco, kies prezidanto estas S-ro Taft, eksprezidanto de Usono, presigis Esp. cirkuleron, per kiu ĝi klarigas sian vidpunkton pri la milito. Ricevebla ĉe: League to Enforce Peace, 70, Fifth Avenue, New York.

— Oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA ĉiujn informojn pri la klopodoj rilataj al la enkonduko de Esperanto en la Ligo de la Nacioj.

∴ **Esperanto ĉe parlamentaj balotoj.** — Okaze de la balotado de la Deputataro, en monato decembro, B. E. A. presigis la jenan demandaron por kandidatoj: 1e Ĉu vi estas favora al la adopto de la internacia lingvo Esperanto por diplomataj internaciaj konferencoj kaj por la Ligo de la Nacioj? 2e Ĉu vi aprobas la rekomendon de la Komitato de la Modernaj Lingvoj, ke „komitato estu elektata por enketi pri la ecoj de artefarita lingvo kaj la dezirindeco favori ties disvastiĝon kaj uzon" kaj ĉu vi klopodos por la plenumo de tiu rekomendo?

∴ **Esperanto kaj komerco.** — Okaze de la konata Leipziga foiro en 1918, estis eldonita en Esperanto dudekpaĝa broŝuro sub la titolo „Listo de la komercaj branĉoj por la oficiala Leipziga foiradresaro". Oni trovas en la nomita broŝuro laŭalfabete ordigitan liston de ĉiuj branĉoj reprezentitaj ĉe la foiro, kun Germana paralela traduko. Tiu eldonaĵo ankoraŭ nun estas uzebla ki.l propagandilo en la komercaj rondoj; plie ĝi prezentas intereson el lingva vidpunkto pro la teknikaj esprimoj, kiuj en ĝi troviĝas.

∴ **Zamenhof-fondaĵo** — En la ĝenerala kunveno de la Nederlanda Societo Esperantista „La Estonto estas nia" de la 23 junio en Utrecht, la delegitoj unuanime akceptis le jenan proponon de la Haga sekcio „Fine ĝi Venkos": „La Nederlanda Societo Esp. L. E. E. N. iniciatu konstantan nacian monkolekton por fondi post la milito iun fondaĵon je la honoro de D-ro Zamenhof."

La ideo de la proponinta grupo estis, ke neŭtrala lando iniciatu la monkolektadon, kiu, iom-post-iom, estus sekvata de l'aliaj landoj. Post la milito, kiam la interrilatoj inter la Esperantistoj de ĉiuj landoj estos restarigitaj kaj kiam jam iu kapitalo povus esti kolektita, per internacia interkonsento la mono ricevos firman destinon. Ni konsideru, ke ni havas moralan ŝuldon je D-ro Zamenhof, por kiu la vivo estis tiel maldolĉa. — (Laŭ *„Nederland-Esperanto"*.)

∴ **Letero de D-ro Zamenhof.** — Ni legas en „La Espero": „. . . De Doktoro Zamenhof alvenis la 22 aŭgusto 1918 al F-ino Helmi Josefson en Stockholm, siatempe Del. UEA. tie, letero skribita de li kaj sendita el Varsovio la 25 aŭgusto 1914. La letero enhavis du aliajn leterojn kun peto al F-ino J. transsendi ilin al iliaj adresatoj. Ĉiuj leteroj estis malfermitaj de la Rusa cenzuro. Unu estis skribita en Pola lingvo al S-ro B. Richtenberg en Heidelberg (Hotelo Eŭropa), la alia en Esp. al la Del. de UEA. en Köln, S-ro Aŭg. Junker, kun peto ke S-ro J. zorgu pri la pakaĵaro de D-ro Zamenhof, kiun li perdis dum sia konata revojaĝo de la neatingita Deka Kongreso, kaj ke S-ro J. gardu ilin „ĝis la fino de la milito!" La Doktoro rakontas, ke lia vojaĝo daŭris dum dekkvar tagoj de Köln tra Berlin, Svedujo, Finnlando, Ruslando hejmen en Polujon . . ."

---

## TRA LA GAZETARO

.˙. *„Amerika Esperantisto“* (septembro). Gravaj dokumentoj, parolado de prezidanto Wilson la 27 septembro 1918. — La spektaklo aŭtuna, de Edspa. — Vespera Himno, de Daisy Flanders. — Esperantismo (kie la aŭtoro Iwilda M. Huston diras, ke ĝi estas la animo de Esp. kaj la fajrero, kiu konservas la lingvon), kaj aliaj artikoletoj en Angla kaj Esp.

.˙. *„British Esperantist“* (decembro). La nova epoko por la Esperantistaro, kie la aŭtoro J. M. Warden, prez. de B. E. A. alvokas al la Esp.-staro memori ke unu celo plej dezirita de nia kara Majstro estis la repacigo de l'homoj; forgesante ĉiujn pasintajn dubojn, suspektemon kaj malpacon, ni kvazaŭ super la tombo de la Majstro premu al ni reciproke la manon, reunuiĝu kaj nin dediĉu al la sankta afero, por kiu li vivis kaj mortis. — Kroniko. — Du kongresoj (Angle). — La sekreto malkaŝita, humorplenaj impresoj pri vesperfesto de Literatura kaj Debata Societo, de M. C. Butler, kiu iom rememorigas bonhumoran Zamenhofanon en Germ. Esp. — La Brugaj cignoj (sekvo), de A. C. Witteryck. — Raportoj de B. E. A. k. t. p.

.˙. *„Eklezia Revuo“* (septembro-oktobro). La eklezia mondo, de Arĥidiakono. — Lumo ĉiela, poeziaĵo de John H. Newman. — La historio de la eklezio de Irlando. — Dio, laŭ kies vort', himno de J. Marriott. — Dio laboras, de kanoniko Aingen, kun muzikaĵo. — Kantpreĝoj Norvegaj. — La maljuna skeptikulo, de A. Noyes. — La grizaj gefratoj, de M. Fairless. — Jesuo, Jezuo aŭ Jezo? de J. M. Warden, kiu opinias, ke la plej taŭga formo de la sankta nomo estas *Jezo*. — Bibliografio. — Kroniko k. t. p. La legado de tiu bone redaktata revuo estas rekomendinda ne sole al ekleziuloj, sed ankaŭ al laikoj.

.˙. *„Esperanto Monthly“* (novembro). Interkonsento per infanoj (Angle), kie oni substrekas la necesecon aranĝi eksterlandajn vojaĝojn de Esp. infanoj. — La „Marconi“, kie estas montrata, kian belan bazon por kodlibro Esp. prezentas. — La Skota movado kaj Esp. (Angle) de N. Booth. — Fasko da humoraĵoj el soldatejo. — Esp. en la elementa lernejo (Angle), literaturaĵoj, versaĵo k. t. p.

.˙. *„Germana Esperantisto“* (decembro). En eldono A: Babiladoj de bonhumora Zamenhofano (fino). — Esp. kaj la blinduloj (Germane), de J. Kreitz. — Kroniko. — Diversaj komunikoj, bibliografio, k. t. p. Eldono B enhavas literaturaĵojn, el vivo kaj scienco, lingvajn demandojn (kie „kampgrizulo“ pruvas ke „ist“ en Esperantisto ne estas pseŭdosufikso, sed korekte uzata por persono, kiu sin okupas pri Esp.), redakcian korespondon, k. t. p.

.˙. *„La Espero“* (novembro). Svedlingvaj artikoloj pri mondlingvo, literaturaĵoj, kroniko, libroj kaj gazetoj, k. t. p.

.˙. *„Hispana Esperantisto“*. Pro la Franca cenzuro ni ricevis la tutan jarkolekton 1918 kune kaj tial ne povis raporti pri ĉiu numero aparte. Lukse eldonata kun belaj ilustraĵoj de konataj Hispanaj samideanoj, de Esp. kursoj, grupoj, de vidaĵoj el Hispanio, jen estas unu el la maloftaj Esp. gazetoj kun riĉa materialo en plej bona Zamenhofa lingvo. En ĉiu numero aperas rakontoj, poeziaĵo, spritludoj, kroniko, k. t. p. Ni deziras al tiu gazeto pluan sukceson.

.˙. *„Teknika Revuo“* (novembro-decembro). Nova kompreno de la vivo kaj ĝia praktika signifo por la higieno, de D-ro Winsch. — Vojaĝo al pinto de Monto-Blanka en 1787 (fino), de H. B. de Saussure. — Kroniko. — Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj kaj organizo de la Internacia Centro (Sekvo). — Pri „Samovaro“, de A. Ŝarapov. Projekto de Fundamento por la teknika lingvo (sekvo) de Antido.

.˙. *„Progreso“* (novembro). Al nia liberiĝo (dulingve), de B. Tittl. — Marŝkanto de Bohemslavaj legionoj, trad. St. Schulhof. — Saluto al Francujo, de D-ro Jl. Jelinek. — Rajto de malgranda nacio je ekzisto de D-ro Fr. Krejĉi. — Mia malliberigo (daŭrigo). — Espistoj ĉe la ministro de instruado (kiu estas amiko de nia movado kaj promesis prizorgi la solvon de prezentota propono pri enkonduko de Esp. en la Bohemajn lernejojn). — Diversaĵoj. — Kroniko, k. t. p.

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj: *„Esperanto-raporto“* (Danio) (oktobro-novembro), *„Nederland-Esperanto“* (n-roj 5—9), *„Esperanto“* (novembro) de Bahia Blanca, *„Internacia Bulteno“* (novembro).

Novaj gazetoj:

.˙. *„Hungara Esperantisto“*, oficiala organo de la Hungarlanda Esperanta Societo; aperas la 15an de ĉiu monato. 15╲24 cm, 12 p. Redaktoro: Petro Turzó. Eldonejo kaj redaktejo: Szeged, Szentháromságutca 30. Abonprezo: 8 K. jare, 4 K. duonjare.

De la aperintaj ĝis nun N-roj ni ricevis nur la 5an (novembro), kun sekvanta enhavo: Hungarlingva artikolo pri Esp. — La sola penso min turmentas..., poeziaĵo de Petöfi. — Mia muzo, poeziaĵo de H. Geiger. — Fremda kaj Hungara kroniko. — El Esperantujo. — Nia lingvo en la seminarioj, de R. Bartal. — En 2118, daŭrigo de romano, k. t. p.

La nova organo de niaj Hungaraj samideanoj bone impresas, kaj ni deziras al ĝi prosperon kaj longan vivon.

.˙. *„La Estonto“*, monata gazeto beletristika, por la internaciaj progresemaj junuloj, 13╲21 cm, 12 p. + 4. Redaktejo kaj administrejo: Anth. C. Bakels, Postbox, Haarlem (Nederlando). Abonprezo: jare 5 Fr.

La 1a N-ro (novembro) enhavas: Al nia legantaro, kie la redaktoro anoncas, ke la celo de l' gazeto estas fari ligon inter la internaciaj Esp. junuloj kaj aperigi artikolojn pri diversaj temoj interesaj al ili. — Serioze antaŭen, de F. P. — Ĥina saĝeco. — Vondel kaj Milton, studo de Bakels. — La unua homo, de Buffon. — La homo kaj la morto. — Diversaj komunikoj.

Estas ĝojiga fakto ke kun la ĉeso de l' milito nia rondo dismoviĝas kaj novaj gazetoj aperas aŭ malnovaj reaperas. Jen bone presita kaj zorge eldonita gazeto, al kiu ni deziras daŭran ekziston.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Financa raporto pri la asocia jaro 1918** (1 novembro 1917 ĝis 31 oktobro 1918). — La ellaboro de la bilanco malfruiĝis tiun jaron, ĉar la raportinto ne povis iri, kiel kutime, por tiu celo al Ĝenevo. Kiam la aktoj povos esti resendataj al la Centra Oficejo, ekzamenos ilin reprezentanto de la Svisa Banka Societo.

La terura milito tiom detruis, ke tiu, kiu ankoraŭ sane vivas kaj ne estas ruinigita, devas sin konsideri feliĉa. Ĉar nia asocio ne mortis kaj malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj daŭrigis multajn internaciajn rilatojn, regule povis eldoni la gazeton kaj faris diversajn servojn, ni rekonu, ke tio estas morala sukceso. Ĝi estas despli grava, ke la pli multaj aliaj internaciaj organizaĵoj fermis sian pordon. Konstatinte tion kun la ŝuldita danko, ni rajtas ankaŭ konstati kaj plendi, ke finance la pasinta periodo estis la plej malbona, kiun travivis nia asocio. Se dank' al sia dekjara ekzisto UEA ne havus garantiantojn, subtenantojn kaj aliajn fidelajn amikojn, ĝi nur estus povinta imiti la aliajn societojn.

Pli elokvente ol longa teksto parolas la ciferoj:

*Bilanco*

| *Aktivoj* | Fr. | *Pasivoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kaso | 445. 82 | Bonhavo de „Esperanto“ | 580. 50 |
| Bankoj | 513. 72 | Konthavantoj | 964. 21 |
| Fremda mono | 1484. — | Kreditoroj | 966. 05 |
| Debitoroj | 250. — | Konto 1919 | 82. 78 |
| | 2693. 54 | | 2593. 54 |
| Kapitala perdo | 820. — | Antaŭa havajo | 920. — |
| | 3513. 54 | | 3513. 54 |

Nuna havajo . . . Fr. 100. —

Malpli modestaj ol la ciferoj de nia havajeto estas tiuj de la perdoj, jene kalkulataj:

*a) Administra Konto de UEA*

| *Enspezoj* | Fr. | *Elspezoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kotizajoj de 1650 membroj | 3135. 93 | Oficejo | 1105. 10 |
| Kotizajoj de 141 subtenantoj | 656. 21 | Salajroj | 3128. 55 |
| 52 Esperantiaj Entreprenoj | 362. 78 | Korespondado | 369. 17 |
| Enspezoj de UEA | 4154. 92 | Materialo | 518. 20 |
| | | Presajoj | 391. 35 |
| Jara Perdo | 1725. 95 | Abonoj de „Esperanto" por Entreprenoj | 240. — |
| | | Diversaj elspezoj | 128. 50 |
| | 5880. 87 | | 5880. 87 |

*b) Amortizoj*

| | Fr. |
|---|---|
| Fremda mono | 493. 32 |
| Necerta bonhavo | 667. 70 |
| Perdo | 1161. 02 |

*c) Diversaj Perdoj kaj Gajnoj*

| *Perdo* | Fr. | *Gajno* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kurzperdoj | 409. 25 | Donacoj | 370. 30 |
| Aliaj perdoj | 105. 31 | 128 kotizajoj el Garant. Kapitalo | 256. — |
| | 514. 56 | Malnovaj kotizajoj | 167. 09 |
| | | Malnovaj kontoj | 142. 15 |
| Profito | 666. 97 | Procentoj | 78. 35 |
| | | Aliaj gajnoj | 167. 64 |
| | 1181. 53 | | 1181. 53 |

*d) Bilanca Perdo-Gajno*

| *Perdo* | Fr. | *Gajno* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Administra konto | 1725. 95 | Diversaj Perdo-Gajnoj | 666. 97 |
| Amortizoj | 1161. 02 | Neta Perdo | 2220. — |
| | 2886. 97 | | 2886. 97 |

Tiu perdo de 2220. — Fr. estis kovrata per alpago el la Rezerva Kapitalo, 1400. — Fr. kaj per malplimultigo de la antaŭa bilanca havaĵo de 920. — Fr. je 820. — Fr., tiel ke restas ankoraŭ 100. — Fr.

* *
*

El la Administra Konto vidiĝas, ke, dum la subtenantoj plimultiĝis de 104 (1917) al 141 (1918), la nombro de la membroj denove malkreskis. Antaŭe estis 2191, nun 1650. Tiu malkresko parte devenas el tio, ke ni ne plu povis ricevi kotizaĵojn el Rusio, kaj ke, pro la neenlaso de nia gazeto, nur tre malmultaj venis el Francio kaj el Aŭstrio-Hungario. Kvankam ni ĝojas pri tiuj kelkcentoj da fideluloj, ni devas rimarki, ke eĉ ili ne pagis la plenan kotizaĵon. Estas jam malplimulte ol 3300 Fr. en la Administra Konto, kaj la 409 Fr. da kurzperdoj en kalkulo *c)* ankaŭ ĉefe devenas el pagoj per nepienvaloraj paperoj. Sekvas ke el la kotizaĵo de 2. 50 Svisaj frankoj restis al ni entute unu franko kaj sesdekkvar centimoj! La detaloj de la administraj spezoj ne bezonas komentarion, malpli koste ol per 5640 Fr. la Centra Oficejo ne povas ekzisti. Dum 1919 dua oficisto estas nepre necesa. La pasintan jaron la korespondado kaj propagando senteble suferis, kvankam nia kasisto kaj sekretario, S-ro Richez, laboris pli ol la normalajn horojn. Al lia sindonemo, al lia kuraĝo kontraŭ la ĉiutage alfluanta paperamaso, ni esprimas nian varman dankon.

Pri la amortizoj ni atentigis en la lasta raporto. Havinte gravajn kaj amikajn rilatojn kun la Rusaj samideanoj ni devis ankaŭ akcepti iliajn pagilojn plenvalore dum la unuaj militjaroj kaj poste iom krediti. Nun, pro la neebleco rilati kun ili kaj pro la malfeliĉaj ekonomiaj kondiĉoj de tiu lando, serioza amortizo estis konsilinda. Notinte la rublojn po unu franko, ni povas esperi, ke iam parto de la perdo retroviĝos.

En la Diversaj Perdo-Gajnoj agrable rimarkiĝas 370 Fr. da donacoj. Multan dankon al tiuj helpintoj, kaj rekomendon al la aliaj membroj pagi plenvalore, por ke ne la tutaj donacoj reperdiĝu per la kurzdiferencoj.

La alpago el Rezerva Kapitalo devenas el ŝparita malnova gajno. Duan saman helpon ĝi ne plu povus elporti. El la Garantia Kapitalo ni nur deprenis la kutimajn kotizaĵojn kaj abonojn.

| | | |
|---|---|---|
| *Statistiko.* — | Membroj | 1650 |
| | Subtenantoj | 141 |
| | Dumvivaj Membroj | 167 |
| | | 1958 |

Spezoj de la Centra Kaso: Fr. 58,546. 12.
Movado de la korespondaĵoj: 8354.

La nuna situacio de UEA estas serioza. Danĝero por ĝia plia ekzisto ne estas proksima, ĉar ni havas la Garantian Kapitalon kaj sindonemajn amikojn. Sed la kvar militjaroj plene pruvis, ke ni ne rajtas kalkuli je la fideleco de la pli multaj Esperantistoj. El la centmiloj da samideanoj, kiuj, laŭ la propagandaj libroj ekzistas en la mondo, nur du mil juĝis utile ion pagi por internacia Esperantista organizo, la necesa komplemento de internacia lingvo. La plimulton ne malhelpis la milito; ne malhelpis ilin la kotizaĵo, tre modesta, kaj ankaŭ ne povis ilin kolerigi la kvalito de nia laboro — aŭ ĝi estis bona rilate al la cirkonstancoj, aŭ ili estis eĉ tro mallaboremaj por plendi. Kio mankas ĉe ili estas la kompreno pri la vivkondiĉoj de internacia helplingva movado kaj sekve iom da oferemo por celoj pli vastaj ol tiuj de la loka societo.

Interesoj personaj aŭ lokaj, esperoj je dancaranĝoj, la ebleco de facila vojaĝo, de kongresaj plezuroj, de komerca gajno aŭ similaj motivoj malproksimaj de la Zamenhofa ideo allogis al la grupoj multajn personojn, kiuj neniam partoprenis je la serioza movado aŭ forkuris kiam la de ili alcelitaj profitoj ne plu ekzistis. Esperеble la politika ventego havos la bonon ĉe ni, kiel ĉe la ŝtatoj, ke ĝi faligos la antaŭajn iluziojn, donante spacon al grupiĝoj novaj, pli konsciaj pri sia devo. Komence de tiu nova jaro ni ĉiuj promesu laŭpove agi por ke UEA refariĝu tiel forta kiel ĝi estis antaŭ la milito kaj tiamaniere estu kapabla plenumi la gravajn taskojn, kiujn la venanta tempo postulas.

La Vicdirektoro de UEA:
*Ed. Stettler*, Bern.

**Kontrolado de la kalkuloj.** — La subskribinto, kontrolinte la saldojn de la ĉeflibro kaj de la bilanco je la 31 oktobro 1918, konstatis ilian plenan konformecon kun la libroj kaj la perfektan ordon de la librotenado.

Ĝenevo, la 20 decembro 1918.

*J. Schmied,*
kasisto ĉe la Svisa Bank-Societo
(Schweiz. Bankverein).

**Kotizaĵoj por 1919.** — Je la 30 novembro estis enkasigitaj 95 kotizaĵoj (el kiuj 9 subtenantoj). Krom tio estas 167 dumvivaj membroj. Sume: 262. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 2.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato novembro:

Ricevitaj: 521. — Forsenditaj: 340. — Tuta sumo: 861. (Antaŭa monato: 480.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Unua listo:*

1. C. Pickert (St. Charles, Usono). — 2. J. Schmid (Bern, Svisio). — 3. E. Elten (Hildesheim, Germanio). — 4. J. Mader (Helena Bay, Nov-Zelando). — 5. E. Perusson (Bourges, Francio). — 6. H. Glass (Portland, Usono). — 7. J. Graham (Regina, Kanado). — 8. S-ino Ras van den Eerenbeemt ('s-Hertogenbosch, Nederlando). — 9. K. Herzer (Des Moines, Usono).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:
*Bridgeport* (Usono, Conn.). — D.: S-ro M. L. De Vine, instruisto, 284, Dover St.
*Cowdenbeath* (Britio, Skotlando). — D.: S-ro J. B. Primmer, kuracisto.
*Langesund* (Norvegio). — D.: S-ro O. B. Sletteród, Mekaniske Verksted.
*Thun* (Svisio). — D.: S-ro Otto Ed. Kunz, drogejo „Edelweiss".
*Warrington* (Britio, Lancashire). — D.: S-ro T. Gorman, 9, Dial Str.

Ŝanĝoj:

*Eskilstuna* (Svedio). — S-ro Arvid Ågren, telegrafstationen.
*Groningen* (Nederlando). — F-ino H. Beukema, Heerestraat 12 a.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:
*Athis-Mons* (Francio); *Bodenbach* (Bohemio); *Kounice* (Bohemio); *Petrozseny* (Hungario); *Werdau* (Germanio); *Zakopane* (Galicio).

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Deshays*, el Sens (Francio), naskiĝis filino nomita *Rose Blanche*.

**Edziĝoj.** — S-ro *Václav Brož* kun F-ino *Anička Horová*, el Kladno (Bohemio).

S-ro *Johannes Edmund Nicolai*, Del., Dresden, kun F-ino *Margarete Voigt*, el Liegnitz i. Schl.

Prof. *Edward G. Phillips*, F. B. E. A., Gar. UEA, el Londono, kun F-ino *Jeanne Chapalain*, el Parizo.

**Distingo.** — Nia kunlaboranto S-ro *Edmond Privat* ricevis la titolon de literatura doktoro, post prezento de tezo pri „La Pola revolucio de 1830 antaŭ la Eŭropa opinio" ĉe la Ĝeneva universitato. Ni kore gratulas!

# Niaj Mortintoj

Dolore impresis nin la informo pri la morto, sekve de malsano, de **S-ro Friedrich Fleck**, ekssekretario ĉe la C. O. de UEA kaj garantianto. Fervora kaj serioza Esperantisto, S-ro Fleck frue interesiĝis al la agado de nia Asocio, kaj, en la jaro 1911, li akceptis la postenon de sekretario ĉe la C. O. de UEA, kie li restis ĝis 1913. Lia sistema kaj senlaca laboro, en periodo malfacila, certe helpis al la plifortiĝo de UEA kaj al la bona funkciado de ĝia Oficejo. Li estis ne sole lingva Esperantisto, sed ankaŭ fervora internaciulo, kiu ĝuste komprenis la signifon de Esperanto por la starigo de pli bona mondordo. Kelkan tempon antaŭ sia morto li skribis al ni pri sia espero baldaŭ havi la eblecon ree labori por Esperanto, kies postmilita rolo ŝajnis al li grandega. Des pli bedaŭrinda estas lia foriro el niaj vicoj. Nia movado bezonus multajn el tiaj komprenemaj kaj laboremaj junuloj, por kiuj Esperanto estas io alia ol kelktempa amuzilo.

S-ro Fleck mortis en Werdau (Saksio); li estis nur tridekunujara.

Kun **S-ro Emile Souchay**, eks-Vicdel. de UEA en Parizo, poste Del. en Athis-Mons, malaperas alia fervora kaj serioza Esperantisto. Li vigle partoprenis en nia movado kaj speciale okupiĝis pri la disvastigo de nia lingvo en la laboristaj rondoj. Li ankaŭ estis sindonema amiko de UEA kaj, antaŭ la milito, kunlaboris al nia gazeto per alsendo de artikoloj kaj notoj pri socialaj problemoj aŭ movadoj. S-ro Souchay estis la tipo de inteligenta progresemulo. Li estis praktika idealisto, kiu komprenis, ke Esperanto devas utili ne sole al niaj nepoj, sed ankaŭ al niaj samtempuloj, kaj li helpis al tio laŭ sia povo, ĉe ĉiuj eblaj okazoj. Ni respekte salutas lian memoron, kaj al lia familio, al liaj amikoj sendas la esprimon de nia kora simpatio.

El Lisbono oni komunikas al ni la morton de **S-ro G. Farley**, Del. de UEA en Enfield (Anglio), kiu, same kiel S-ro Souchay, estis viktimo de la gripepidemio. S-ro Farley estis tre vigla kaj fidela Esperantisto, bone konanta nian lingvon, kiun li parolis tre flue. Li entuziasme helpis la Lisbonajn samideanojn en kelkaj propagandaj aferoj, kaj oni ĉiam vidis lin preta al laborado por Esperanto. Li venis en Lisbono antaŭ tri jaroj kaj apartenis al la Angla militista misio. Ĉe la funebro okazinta la 16 novembro troviĝis Lisbonaj Esperantistoj, kaj nia Del., S-ro B. Martins d'Almeida, oficiale reprezentis nian Asocion. *H. H.*

# Lingvaj Studoj

Pro manko de loko la daŭrigo de la artikolo pri la geografiaj nomoj kun la listo de la ĉefaj landnomoj konforma al la sistemo de ni alprenita aperos nur en la sekvanta N-ro. Ni rememorigas, ke de la nuna N-ro ni uzas la sufikson *-i* por la landnomoj (anstataŭ *uj* kaj *land'*), laŭ la rekomendo de la L. K. en 1910. Vidu pri tio klarigojn en „*Esperanto*", decembro 1918.

## Vortoj proponitaj en „Teknika Revuo"

En novembra-decembra N-ro de „Teknika Revuo" troviĝas nova listo de proponitaj neoficialigitaj vortoj.

Jam pli-malpli konataj aŭ internaciaj estas: *akumulatoro, albumino, angio, areo, aŭreolo, aŭtoktono, belvedero, cerbumi, cirkuli, departamento,*[1] *diafragmo, dogano, elektrono, etero, hidrato, ĥirurgo, karbono, koheri, kolojda, laiko, medio, monismo, neŭrastenio, okcipito, organika, plako, plura, potencialo, retino, sekundaria, skemo, skolo, solido, vitalismo.*

Novaj estas:

*espirito* = reaperajo de mortinto, elvokebla sub formo aŭdebla aŭ videbla. En tiu ĉi senco oni jam uzis la vortojn *spirito* aŭ *fantomo*, kiuj ŝajnas sufiĉaj; oni ankaŭ povus diri *spiritulo*. La vorto *spiritismo* jam estas internacia, kaj estus domaĝe ĝin kripligi al *espiritismo*.

*faleno* = nokta papilio.

*firmalo* = nomo de komerca societo. Pli frue estis proponita *firmao* por la sama senco; *firmalo* estas pli belsona, sed arbitra.

*letro* aŭ *belletro* = klera literaturo, poezio, gramatiko, elokvento. En tiu ĉi senco jam estas ofte uzita la vorto *beletristiko*. Oni devas konfesi, ke la vorto *letristo* aŭ *belletristo* estus pli oportuna ol *beletristikisto*.

*lobo* = ronda dividaĵo de organo.

*medolo* = interna mola ŝtofo en ostoj.

*orto* = 90-grada angulo.

*ŝalti* = interŝovi.

*termo* = varmo (en senco teknika).

Novaj sufiksoj.

*enda* = kiu devas esti -ata. Ekz.: *solvenda problemo*, problemo, kiu devas esti solvata. Tiu ĉi sufikso estas ankaŭ ofte uzata de „Eklezia Revuo".

*oza* = (teknika sufikso), kiu enhavas multe da. Ekz.: *tuberoza*.

*retro* = re, en senco revena (ne ripeta). Ekz.: *retroiri* (*reiri* = iri denove). Jam kelkfoje uzita.

[1] En kelkaj vortaroj oni ankaŭ trovas *departemento*.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enpreso: Fr. —.50. — Tri enpresoj: Fr. 1.25. — Dek-du enpresoj: Fr. 4.50.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

**Aarhus** (Danio). — S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Del. de UEA, Tröjborgvej 32, PM (ne sendas unue).

**Arona** (Italio, Lago Maggiore). — S-ro Francesco Perucchetti, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Barcelona** (Hispanio). — S-ro Carlos Segura, 1, Asturias, Societo Paco kaj Amo, PK, L (kun ĉiuj landoj).

**Breda** (Nederlando). — S-ro I. Sterkman, Nieuwe Haagdijk 19 a, L, PI (pri astrologio kaj teozofio).

**Fredriksstad** (Norvegio). — S-ro Sig Hole, L, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Genève** (Svisio). — S-ro Joseph Planner, teknikisto, 52, Bd. St-Georges, PI, L.

**'s-Hertogenbosch** (Nederlando). — F-ino J. van den Camp, Hinthstr. 160, PI.

**Jilemnice** 306 (Bohemio). — S-ro Josef Kaván, PI, PM.

**Kristiania** (Norvegio). — Loĝio de Esperantistaj Laboristoj (kun tiaj asocioj en aliaj landoj). Adreso: E. E. Johnsen, Fredensborgveien 41 B, 1 etg., 3 opg.

**Locle** (Svisio). — S-ro W. Matthey, 11, Crêt Vaillant, PI (prefere kun ekstereŭropaj samideanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

**Mac Keesport** (Usono, Pa.). — S-ro R. Sundvall, 116, Willow St., PI (kun ĉiuj landoj).

**Malmö** (Svedio). — S-ro John Petersson, 1, Agnesgatan, L, PK, artaj desegnaĵoj, akvareloj (kun ĉiuj landoj).

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, nur L (kun ĉiulandaj pensemuloj pri postmilitaj problemoj).

**Portland** (Usono, Oregon). — S-ro H. G. Glass, 867, Bowdoin St., PI, L (kun ĉiuj landoj krom Nordameriko).

**Praha** (Bohemio). — F-ino Julie Šupichová, instruistino, Malá Štěpánská 6 II., salutas siajn antaŭmilitajn korespondantojn kaj interŝanĝas denove L, PI kun ĉiuj landoj.

**Praha II** (Bohemio). — S-ro Karel Fiala, 1, Jenštejnská, PI, PK, L, PM (kun ĉiuj landoj).

**Talleres F. C. S.** via Buenos Aires (Argentino). — S-ro José Catala, 2049, San Martin, PI (kun ĉiuj landoj).

**Trondhjem** (Norvegio). — Grupo Esp. aranĝos poŝtkart- kaj letervesperon la 15 februaro 1919. Oni sendu L kaj PK.

**Utrecht** (Nederlando). — F-ino S. Metten, Mariaplaats 73, PI (kun ĉiuj landoj).

**Wamel apud Tiel** (Nederlando). — S-ro H. van Duuren, PI (kun mar- kaj havenvidaĵoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10 %. Por dek-du enpresoj 25 %. Antaŭa pago.

**Brodaĵoj.** — Garantikapablaj reprezentantoj por delikataj brodaĵoj de St. Gallen kaj broditaj tukartikloj estas serĉataj en ĉiuj landoj. Sendu proponojn sub cifero 11,296, C. O. de UEA.

**Ĉiu Esperantisto** kiu volas helpi en granda informa laboro per disdono kaj dissendo de flugfolioj, tradukado, informsendado, k. t. p. skribu tuj al: Propaganda Komitato de la Lingvo Internacia, Balkányi Pál, 15, Hajos-utca, Budapest VI.

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50—100 aŭ pli malsamajn poŝtmarkojn, mi sendos saman kvanton aŭ valoron en Argentinaj kaj Sudamerikaj poŝtmarkoj laŭ katalogo Ivert Tellier. Petro Gomez, 3924, Córdoba, Buenos Aires.

**Hermetikismo.** — Anaro Esperantista de la Societo de l' Hermetika Saĝo. Religio-filozofio Greka, Ĥaldea, Egipta. Por ĉiuj detaloj skribu al: Order of Ancient Wisdom, „Esperanto“, 6, John Dalton Street, Manchester (Anglio).

**Komercistoj ĉiulandaj,** kiuj deziras komerci en Nederlando, skribu detale al: P. J. Vermaas, Del. de UEA, N. Binnenweg 340 a, Rotterdam (Nederlando).

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Hinwil (Zürich, Svisio).

**Konata Hungara verkisto** dez. per Esp. korespondi kun alilandaj bone konataj verkistoj. Pliajn detalajn donas Balkányi Pál, 15, Hajos-utca, Budapest VI.

**Korespondo.** — Otto Sklenĉka, Del. de UEA, bankoficisto en Hradec Králové (Bohemio) komunikas al ĉiuj siaj amikoj en la tuta mondo (precipe Finlandaj!), ke li feliĉe revenis de la terura milito al sia civila profesio. Oni skribu al lia malnova adreso.

**Ovoj.** — Mi deziras korespondi kun alilandaj personoj pri birdoj kaj ovoj. Mi aĉetos ovojn, facile atingeblajn de kamparanoj, je bonaj prezoj. K. L. Skinner, Brooklands Estate Office, Weybridge, Anglio.

**Reprezentanto** kun tre bonaj rilatoj en la Argentina komerco sin proponas por la maklero de ŝtrumpaj artikloj, lanaj, kotonaj kaj silkaj ŝtofoj, celuloidaj artikloj kiel pupoj, kombiloj k. t. p. Petro Gomez, 3924, Córdoba, Buenos Aires.

**Tra la Jaro.** — Esperantaj lecionoj por ĉiulandaj lernantoj, kompilitaj laŭ eduka metodo longe elprovita; pli ol 1600 ekzempleroj jam vendiĝis. Eldonistoj: S-roj Dent, Londono kaj Toronto. Prezo: 2 ŝ., afrankite.

FIRMO J. HUYSMAN

**Komerca Reprezentanto**

**Vlisslingen, Nederlando**

Sin rekomendas por la vendo de

**ĉiuspecaj artikloj**

## LA UNUIGITA TUTHOMARO

De Januaro 1919 aperos la monata gazeto **„Die geeinigte Menschheit“, La Unuigita Tuthomaro“** kiel organo de tiuj, kiuj decide celadas ne nur la popoligon, sed ankaŭ la bonan, puran animon de la izoluloj kiel ĝian kondiĉon. La gazeto, prezentante ĉiujn artikolojn en la patrolingvo de la verkisto kaj krom tio en Esperanta traduko, raportos pri okazaĵoj el ĉiuj vivregionoj de ĉiuj landoj kaj provos eksciti la komunsenton kaj la bonon, uzante la plej grandan toleron koncerne ĉiujn mondopiniojn kaj religiojn.

Redaktoro estas Wilhelm Heydorn en Hamburg kaj kunverkistoj la plej famaj, en- kaj eksterlandaj reprezentantoj de la paco kaj popoliga movado.

Abonebla per poŝto, librejoj aŭ nia eldonejo. — Prezo por ¼ jare *M. 2.50.* — Plej efika anoncorgano, ankaŭ eksterlande. — *Bahai-Verlag,* G. m. b. H. — Hamburg 35.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO